# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

Fondinto : H Hodler.†

Direktoro de UEA : Robert Kreuz.

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

ENHAVO :



**XXX-a Jaro N° 410-11**

**OKTOBRO-NOVEMBRO 1934**

## Zamenhofa Spirito

Ĉiuj homoj ne estas morale konstruitaj laŭ unuunura modelo. Inter ili ekzistas diferencoj pri raso, nacieco, religio, karaktero, pensmaniero, ktp. Tial la leĝoj estas malsamaj en la diversaj landoj, kaj en ĉiu aparta lando ili devas atenti pri tiuj diferencoj.

Ankaŭ la Esperantistoj ne estas konstruitaj laŭ unuunura modelo. Ili aliĝas al niaj organizaĵoj pro diversaj motivoj. ZAMENHOF tre bone komprenis, ke ĉiuj homoj ne estas idealistoj, kiel li mem. Tial, en sia fama Deklaracio pri la esenco de la Esperantismo (Ia Universala Kongreso, 1905) li proklamis : « Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas ».

Sed, ĉar dum sia tuta vivo li laboris, agis, suferis nur por la triumfo de la idealo, kiu ĉiam gvidis lin, li deklaris en la 3a Kongreso (1907), precizigante tion, kion li estis dirinta en la 2a :

« Ĉar la mondo ĉiam komprenis, ke la esperantismo estas forte ligita kun certa interna ideo, kaj tre multaj personoj ne volis lerni kaj uzi Esperanton nur tial, ĉar ili ne volis esti rigardataj kiel partianoj de ia ideo, tial — por ne fortimigi de ni la grandajn amasojn, — ni estis devigitaj klarigi per la Bulonja deklaracio, ke la simpla esperantisteco, t.e. la uzado de la lingvo Esperanto, neniun devigas esti partiano de tiu aŭ alia ideo, ke ĉiu Esperantisto restas homo tute libera kaj unuj Esperantistoj ne respondas por la ideoj de aliaj Esperantistoj. Sed la simpla praktika *esperantisteco*, t.e. la simpla lernado kaj uzado de Esperanto, neniun devigas aliĝi al ia ideo, tamen neniu povas dubi, ke ĉiujn, aŭ almenaŭ la grandegan plimulton de la personoj, kiuj *batalas* por Esperanto, ligas unu komuna ideo, kiu estas la tuta stimulo de ilia laborado ».

Kaj de tiu tempo la Esperantistoj kontraŭstarigas tiujn du konceptojn. Unuj pretendas, ke ili mem monopolas la internan ideon ; aliaj rebatas, ke Esperanto estas interkomunikilo, kun kiu oni devas ligi neniun imagan penson. Tiamaniere la alparoloj : « Vi estas mistikulo », kaj « Vi ne havas la internan ideon », fariĝis kvazaŭ insultoj speciale esperantistaj.

Ekzemple : La nova Komitato de UEA, laŭdire, tute ne posedas la internan ideon ; ĝia « nova » spirito kontraŭstaras al la « malnova » spirito de UEA ; ĝi enkondukas « naciismon » en nian centran organizon, kie regis ĝis nun la supernacia spirito. Kaj kial ĝi enkondukas « naciismon » en nian centran organizon, kie regis ĝis nun la supernacia spirito? Kaj kial ĝi enkondukas naciismon ? Ĉar ĝi konsistas el reprezentantoj de landaj Asocioj, dum la antaŭa Komitato konsistis el personoj unuope elektitaj inter malnovaj membroj de UEA.

Tamen oni ne povas facile imagi, ke Komitato konsistanta el kelkaj el la plej sindonaj samideanoj en 19 landoj, estas preta forĵeti ĉiun idealon. Kiam landa Asocio elektas indan esperantiston, ofte malnovan membron de UEA, kiel reprezantanton, ĉu tiu elekto igas hodiaŭ maltaŭga homon, kiu hieraŭ estis fidinda? Ne, ĝi estas vere supernacia, ĉar neniu homo, neniu lando povas trudi sian volon.

Verdire, la du tekstoj de ZAMENHOF kompletigas unu la alian. Multajn personojn allogas Esperanto per tiu idealo, kiun oni nomas « interna ideo », kaj kiu estas sopiro al morala progreso de la homaro, kaj, pli speciale, al interpopola frateco. Aliaj opinias, ke jam la materiaj konsekvencoj de ĝenerala uzado de lingvo internacia estos grava bonfaro al la homaro, kaj ne zorgas pri pli vastaj horizontoj. Ambaŭ sindoneme kunhelpas al disvastigo de Esperanto. Sed ambaŭ, eble nesciante, kunlaboras al la sama celo.

Efektive, uzado de lingvo internacia, eĉ por materiaj celoj, skizas kunigon inter diverslandaj homoj; iom post iom tiuj rilatoj kreas atmosferon de simpatio, eĉ de amikeco. Tio ne estas mistika aserto. Multaj personoj, kiuj unue lernis nian lingvon nur pro scivolemo, sed kiuj praktikis ĝin kun alilandanoj, kiuj ĉeestis kongresojn, ktp..., sentas sin iom post iom kaptitaj de tiu atmosfero kaj akceptas tiun internan ideon, kiun ili eble estis unue forpelintaj.

Ni do ne serĉu pro kiuj motivoj tiu ĉi aŭ tiu propagandas aŭ lernas Esperanton. Esperanto estas proprajo de neniu nacio, de neniu klaso, de neniu doktrino. Ni ne kontraŭstarigu idealistojn kaj realistojn. Eĉ tiuj, kiuj pensas nur pri materia progreso, tre utilos al nia afero; kaj multaj renkontos sur sia vojo neatenditajn sentojn, kaj atingos internan ideon *tra* Esperanto.

Al ĉiuj UEA estas mallfermata. Ĝi devigas neniun eĉ el niaj agemaj batalantoj, al iu aŭ alia ideo. Ĝi celas nur la triumfon de Esperanto, kaj por tio akceptas la multvaloran kunlaboradon de ĉiuj sindonaj propagandistoj, ne esplorante la internajn motivojn de tiu sindonemo. Ĝi ne forgesas ke ĉiuj Esperantistoj, kiel ajn ili pensas pri politikaj aŭ sociaj aferoj, konsentas por deziri pliampleksigon de la praktikaj servoj, kaj ĝi klopodos por kontentigi ilin. Sed, morgaŭ kiel hieraŭ, ĉiam gvidos ĝin plej nobla supernaciismo, kiu, ofendante neniun, respektante ĉies nacie-con kaj opinion, akceptas ĝoje ĉiujn bonvolajn homojn, por, pere de Esperanto, « krei ligantan ponton inter la gentoj ».

Jen nia neŭtraleco!

L. BASTIEN.
*Prezidanto de UEA.*

# NIA LABORPROGRAMO

## NI ĈIUJ KUNE LABORU!

La nova Komitato de UEA faris al mi grandan honoron, komisiante min por prezenti je ĝia nomo al la Universala Kongreso en Stockholm nian laborprogramon.

Kiu estas la celo de la Esperantistoj? Enkonduki Esperanton en la praktikan vivon de la homoj, kaj tiamaniere plifaciligi la rilatojn inter la diversaj popoloj.

La laborprogramo de la Nova Komitato de UEA estas: antaŭenpuŝi la movadon al tiu celo, kun la praktika helpo de la landaj asocioj, lokaj grupoj, unuopaj esperantistoj, kaj simpatiantaj instancoj ĉiuspecaj.

Ĝi postulas de la estraranoj kaj komitatanoj grandan zorgon al la asocio; ĝi postulas de ĉiuj esperantistoj kunlaboradon en la vojo elektita.

Laŭstatute la komitato estas elektata por tri jaroj. Ni firme esperas, ke nia programo efektiviĝos antaŭ la fino de nia elektotempo.

### I. — Sendeficita budĝeto.

Niaj antaŭuloj, dum multaj jaroj, laboris kun grava deficita budĝeto. Pro la preskaŭ tuta malapero de la Asocia kapitalo kaj ĉefe pro nia deziro ne labori en la nebuloj, sed laŭ praktika vidpunkto, la nova komitato de UEA ne plu akceptos budĝeton kun deficito. La budĝeto por 1935, antaŭvidita de la komitato en Stockholmo kaj reviziita dum la estrara kunveno en Ĝenevo estas en ordo; ĝi ŝparas pli ol 20.000 sv. fr. kompare al la budĝeto de 1934. Ĝi unuecigas ĉiujn administrajn oficojn en la Centro sub gvidado de Direktoro KREUZ, kies laboron kaj sperton ni alte taksas, ĉar ni ĉiuj bone memoras, ke dum la tempo, kiam li gvidis la oficejon de ICK kaj de UFE, li ĉiam sukcesis ĉiujare bilanci kun gajno.

### II. — Konferenco de Wien kaj ties sekvoj.

#### Agado de la Registaroj, Parlamentoj, gravaj instancoj.

La Konferenco de Wien alportis al ni taŭgan materialon por prepari la necesajn klopodojn por enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Tiun enkondukon ni ŝuldos al la bonvolo de la registaroj en la diversaj landoj kaj tion ni devas ĉiam memori. Kiel homoj ni rajtas preferi tiun aŭ alian regan sistemon, sed kiel esperantistoj, kiel respondecaj gvidantoj de la movado mem, ni devas bone rilati kun ĉiuj registaroj kaj juĝi ilin nur laŭ la helpoj, kiujn ili alportas al nia esperantista movado.

Ni, kiel gvidantoj de UEA, devas denove ekagi ĉe la Ligo de la Nacioj. Nia Direktoro devos repreni la laboron ĉe la Ligo en la Centro mem kaj ĉe la Internacia Laboroficejo. Siaflanke, nia Prezidanto zorgos en Parizo ĉe la Instituto de Internacia Intelekta Kooperado kaj verŝajne enigos UEA en la Unuiĝon de la Grandaj Asocioj Internaciaj, kies centro estas tiu Instituto en Parizo. Ankaŭ estos necese, ke niaj italaj kolegoj, D-ro CANUTO kaj Inĝ. ORENGO, klopodu ĉe la Instituto Internacia de Kinematografio en Romo, ankaŭ sub la regado de la Ligo de la Nacioj, por favorigi aperadon de filmoj en esperanto, kiel klerigaj filmoj.

Sed la nova Komitato havas la grandan ŝancon enhavi la ĉefajn gvidantojn de la landaj asocioj. Multe pli facila estos de nun la komuna agado de ĉiuj landaj asocioj ĉe la registaroj kaj parlamentoj. Starigo de esperantistaj grupoj en la Parlamentoj, starigo de patronaj komitatoj por ĉiuj landaj asocioj, kun la apogo de registaroj, deziresprimoj voĉdonitaj en la urbaj kaj regionaj parlamentoj, jen efika agado kiu devus alproksimigi nin al la celo: esperanto en la lernejojn.

Grandaj internaciaj asocioj, kies sidejo estas en Ĝenevo, bezonas Esperanton por siaj kongresoj kaj sia internacia

korespondado. Jen nova agado de nia Direktoro ĉe la Centro de tiuj asocioj en Ĝenevo, jen novaj klopodoj de la landaj asocioj okaze de la internaciaj kongresoj de tiuj ĉi asocioj en iu aŭ alia landoj.

Ĉiutaga kunlaborado inter la Centra Oficejo de UEA kaj la sekretarioj de la landoj asocioj ebligos tiun ĉi gravan propagandon.

### III. — La praktikaj servoj.

Ne sufiĉas al ni granda nombro da delegitoj en la jarlibro. Ni deziras ke, laŭ praktika vidpunkto, la delegitoj, kiuj devas esti la plej agemaj esperantistoj, laboru metode. Ni deziras pligrandiĝi ankoraŭ la nombron de la delegitoj, sed ĉefe en grandaj industriaj, komercaj kaj turismaj urboj. La delegita reto estas la fundamento de la praktikaj servoj de UEA.

Mi diros al niaj delegitoj en konsilaro kiajn dokumentojn ili bezonas :

*a*) Dokumentojn teoriajn : kiun intereson prezentas lingvo internacia. Tiun materialon en nacia lingvo plej bone preparos la landaj asocioj.

*b*) Dokumentaron praktikan : disvastiĝo de Esperanto — rezultatoj en komerco, industrio kaj turismo. Mi konsilas al la delegitoj, ke iliaj grupoj aŭ pli bone ili mem havu la « Enciklopedion de Esperanto », verko nun aperanta. Mi neniam tro malalte taksos tiun ĉi verkon nepre necesan al ĉiuj esperantistoj propagandistoj.

*c*) Raportetojn por konigi al la fremdularo la lokajn kaj regionajn produktaĵojn, la turismajn belaĵojn. Tiujn ĉi raportetojn la delegitoj preparos kun la helpo de la industriistoj, komercistoj kaj turismaj oficejoj, kaj je la kostoj de tiuj personoj kaj organizaĵoj.

*ĉ*) Dokumentaron el eksterlanda turismo kaj komerco zorge elektitan kaj ĉiam bone ordigitan. Tiun ĉi dokumentaron la delegitoj ricevos pere de la Centra Oficejo de UEA kaj de la ĉefdelegitoj.

Mi aldonas ke, de nun, la delegitoj ricevos la helpon de la lokaj grupoj por la klopodoj ĉe la turismaj organizaĵoj, komercistoj, korporacioj, institucioj de la urbo kaj de la regiono. Ili ankaŭ ricevos la valoran helpon de la landaj asocioj por larĝampleksaj klopodoj, ekz. dissendo en esperanto per la radio : stacioj de turismaj informoj pri la urbo kaj la regiono, ktp.

### IV. — Jarlibro.

La jarlibro de UEA estas la nepre necesa propagandilo de ĉiu aktiva esperantisto. Sed ne sufiĉas, ke ĝi enhavu la plenan liston de ĉiuj delegitoj en la diversaj landoj. Ĝi devas ankaŭ prezenti al la legantoj la progresojn de la movado dum la antaŭa jaro. La landaj asocioj, en telegrafa stilo, povos facile verki la enhavon de ĉi tiu nova parto de la jarlibro. Tiamaniere ni havos de nun ĉiujare aldonojn al la Enciklopedio de Esperanto. Niaj propagandistoj, niaj oratoroj havos de nun la necesan materialon por prezenti al la publiko precizan ideon pri nia agado kaj pri la nuna situacio de nia movado.

Pro la nunaj financaj cirkonstancoj, ni verŝajne ne povos doni al la aktivaj membroj de UEA en 1935 plenan jarlibron, sed nur la novan parton kun la ŝanĝoj kaj aldonoj en la listo de la delegitoj. Se la novaj aktivaj membroj ricevos la jarlibron 1934 kun la aldono 1935.

### V. — La Oficiala Gazeto.

Laŭ nia opinio, « Esperanto », oficiala gazeto de UEA kaj de la neŭtrala esperanto-movado, devas simili nek al « Heroldo », nek al « Literatura Mondo ». Ĝi devas enhavi oficialajn informojn pri la sukcesoj, atingitaj en la diversaj landoj, rapidajn raportojn pri la kunsidoj de niaj gravaj instancoj, estraro kaj komitato de UEA, Akademio kaj Lingva Komitato, konkludoj de larĝampleksaj eksperimentoj pri instruado (Cseh-metodo ktp.) aŭ propagando (sveda verda semajno — franca propaganda dusemajno, ktp.) ĉiun konon bezonatan de ĉiu vera esperantisto, ni devas trovi estonte en « Esperanto ».

Sub gvidanto de la Directoro de UEA mem, kun la regula kunlaborado de la komitatanoj kaj de la akademianoj, « Esperanto » fariĝos baldaŭ la plej interesa, la plej grava, la plej multaspekta de ĉiuj esperantistaj gazetoj.

### VI. — Lingva Komitato kaj Akademio.

La elekto de S-ro ROLLET DE l'ISLE, prezidanto de la Akademio, kiel komitatano de UEA, pruvas, ke la nova komitato deziris konstrui ponton inter la Akademio kaj la Universala Esperanto-Asocio. Kompreneble, memstaraj restos la Akademio kaj la Lingva Komitato, sed UEA de nun helpos, per monsubteno enkalkulita en la budĝeto, reviziita de la nova Estraro, la lingvajn instituciojn.

La lingvaj institucioj povos labori sur financa bazo kaj ĉiuj esperantistoj profitos tiujn laborojn.

### VII. — Universalaj Kongresoj. — Komitato kaj Konsilantaro de UEA. — Fakaj Asocioj. — Demokrata Parlamento. — Nova spirito signifas « Demokratiĝo de UEA », nenion alian.

Nin ĝojigas la konstato, ke, de kelkaj jaroj kaj ĉefe en Stokholmo, la agemaj esperantistoj pli kaj pli partoprenas en universalaj kongresoj.

Ĉiuj Esperantistoj deziras ludi rolon en nia movado kaj ili tute pravas. Ili ankaŭ rajtas scii, kion opinias pri la movado mem la respondecaj gvidantoj. Laŭ la nuna statuto de UEA la kunvenoj de la Komitato kaj de la Konsilantaro ne estas publikaj. Kompreneble la Komitato ne povas diskuti publike pri personaj aŭ budĝetaj aferoj ; sed ne same estas, kiam ĝi pristudas la propagandajn. Jam la nova Komitato decidis, ke la kunsidoj de la Konsilantaro estos publikaj.

Tre grava por nia movado povas fariĝi la Konsilantaro. Ĝi konsistas, krom la Komitatanoj, Patronoj kaj Honoraj Membroj de UEA, el la reprezentantoj de la malgrandaj landaj asocioj kaj de la fakaj asocioj, kiuj aliĝis al UEA kiel partoprenantoj al la ĝenerala esperantista movado.

La Konsilantaro devos ekzameni la laborplanojn proponatajn de la fakaj asocioj kaj unuigi la laboron de tiuj ĉi asocioj kun la laboro de la ĝenerala movado de UEA (propagando, instruado, praktikaj servoj).

Ankaŭ pri la publika opinio de la esperantistoj ni devas atenti, kiel gvidantoj de la tuta movado.

Kvankam la cirkonstancoj estis treege malbonaj, estis por ni ĝojiga la fakto, ke multnombraj esperantistoj diskutis tiel vigle en Stokholmo, dum la du laborkunsidoj de UEA, pri la estonto de la movado.

En la proksimaj kongresoj, en Romo kaj Vieno, ni denove kaj larĝamplekse malfermos la diskuton al ĉiuj kongresanoj,

dum pluraj laborkunsidoj, pri tiuj tri fundamentaj kolonoj de nia organizaĵo : propagando, instruado, praktikaj servoj.

Tiamaniere ni fine konstruos tiun domon, pri kiu sopiris jam de longe ĉiuj membroj de UEA, tiun domon tute demokratian, kie ĉiuj esperantistoj estos samrajtaj, kie ĉiuj esperantistoj povos alporti sian opinion, kie la diskutoj ne plu estos sufokataj sub torentoj de superfluaj kaj senvaloraj paroloj.

Demokratiĝo de nia asocio : se nova spirito animigas nun UEA'n, en demokratiĝo kaj nur en ĝi tiu ĉi spirito kuŝas.

### VIII. — Propagando.

Dum multaj jaroj la sama voĉo venis al Ĝenevo : 1.000 membroj subtenantoj kaj ni savu UEA ! Simpla aritmetiko, kiu respondas al centprocenta burokrata cerbo.

Nun, ni propagandas. Ni propagandas por Esperanto ; ni propagandas por UEA. Ambaŭ estas la sama afero. Miloj kaj miloj da homoj venas kaj venos al ni. Ĉiam pli amplekse ni disvastigos nian ideon, ĉiam pli larĝa estos nia agado. Jam mia amiko, estrarano Ernfrid Malmgren, la bonega ĝenerala sekretario de la Stokholma kongreso, organizis en tuta Svedujo verdan porpagandan semajnon. Mi preparis ankaŭ planon de propaganda esperantista dusemajno, nun efektivigita en Francujo, dank'al al kunlaborado de ĉiuj grupoj kaj membroj de SFPE. Ideon pri tiu ĉi programo vi trovos ĉi-sube :

Ni dividis la programon de la esperantista propaganda dusemajno en kvar partojn : internacia, nacia, regiona kaj loka agadoj.

*Internacia agado.* — Preparo kaj dissendo, el la Oficejo de UEA en Ĝenevo, al ĉiuj gravaj internaciaj organizaĵoj, de dokumentaro pri Esperanto kaj ĝia praktika rolo en la koncerna fako.

Vizito al la gvidantoj de tiuj ĉi organizaĵoj, farita de la Direktoro de UEA.

Se la centro de la organizaĵo estas ekster Ĝenevo, la dokumentaro estos sendata pere de la landa esperantista asocio.

Sendo al la lokaj parlamentanoj de deziresprimoj por parlamenta agado, favora al Esperanto, subskribitaj de ĉiuj grupanoj.

Klopodoj ĉe la komercaj ĉambroj, turismaj oficejoj kaj sindikatoj, por la eldono en esperanto de flugfolioj komercaj, gvidlibroj, ktp.

Klopodoj ĉe la lokaj asocioj ĉiuspecaj, eĉ politikaj kaj religiaj, pri la praktika valoro de Esperanto kaj lego, dum unu el iliaj kunvenoj, de noto pri Esperanto.

Prezentado de deziresprimoj en tiuj ĉi asocioj. Speciala agado ĉe la asocioj de ekslernantoj kaj de gepatroj de lernantoj.

Artikoloj en la loka gazetaro kaj en la faka gazetaro, laŭ bontrovo de la grupanoj.

Prezentado en la kinematografoj kaj teatroj, dum la paŭzoj, de lumbildoj, lumtekstoj kaj eĉ filmoj pri Esperanto.

Ekspozicioj en montrejoj de magazenoj.

Afiŝoj. Rubandoj pri Esperanto kaj la dusemajno en la ĉefaj stratoj de la urboj.

Propaganda publika kunveno.

Disdono de flugfolioj dum ĉiuj favoraj okazantaĵoj.

Propaganda festo.

Varbado de novaj membroj kaj amikoj de Esperanto.

Vendo de libroj. Abonoj al gazetoj. Vendo de glumarkoj, loteriaj biletoj, insignoj, ktp.

Organizo de vesperaj kunvenoj por legado de leteroj ricevitaj el fremdaj landoj, ktp.

*Nacia agado.* — Preparado de dokumentaro kaj vizito de la administrantoj de la landa esperantista asocio al la Ministerioj : Internaj Aferoj (Kriminala Polico, Radio-Polico), Financoj (Dogan-paperoj, ktp.), Milita kaj Komerca Ŝiparo, Milito, Kolonioj, Eksteraj Aferoj, Publika Instruado, Komerco kaj Industrio, Laboro, Aerveturado, Turismo, ktp.

Preparo kaj dissendo al ĉiuj gravaj naciaj organizaĵoj de dokumentaro pri Esperanto kaj ĝia praktika rolo en la koncerna fako.

Radio-dissendoj en esperanto kaj nacia lingvo per la ĉefaj radiostacioj de la lando.

Artikoloj en la tutnacia gazetaro (preferinde artikoloj pri la dusemajno kaj la praktika valoro de Esperanto).

Preparo por vendado en la tuta lando de kartoj de « Amikoj de Esperanto », glumarkoj de la esperantista dusemajno.

Preparo kaj dissendo al la grupoj de afiŝoj, flugfolioj, lumbildoj por kinematografoj ,ekspozicioj.

Organizo de ekspozicio en montrejo de granda magazeno en la ĉefurbo

Organizo de tutlanda esperanta loterio

*Regiona agado* — Organizo de publikaj kunvenoj en la ĉefaj urboj de la regiono.

Radio-dissendoj en nacia lingvo pri Esperanto per la regionaj radio-stacioj.

Ekspozicioj en la ĉefaj urboj de la regiono.

Klopodoj ĉe la regionaj parlamentoj, prefektejoj, ktp , por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

Klopodoj ĉe la regionaj komercaj ĉambroj por la praktika uzo de Esperanto.

Perado inter la landa asocio kaj la lokaj grupoj kaj delegitoj por la sekvantaj aferoj : kartoj de Amikoj de Esperanto, vendo de glumarkoj, afiŝoj, flugfolioj, lumbildoj, ekspozicioj, loterio, varbado de novaj membroj, starigo de novaj grupoj, vendo de libroj, abonoj al la esperantista gazetaro.

*Loka agado.* — Klopodoj ĉe la urbaj administracioj (urbestro, konsilantaro) por voĉdono de deziresprimoj pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn kaj nomigo de Stratoj Zamenhof.

La programo ĉi-supre prezentita estas maksimumo. Al la landoj kaj urboj, al la cirkonstancoj ĝi devas esti adaptata ; sed tia, kia ĝi estas, ŝajnas al ni, ke ĝi estas efektivigebla.

La organizo de la propaganda dusemajno havas lá avantaĝon permesi por ĉiuj aktivaj membroj de la grupoj la partoprenon en la organizado de granda propaganda laboro. Ĝis nun, efektive, tro ofte nur la grupestroj estas « aktivaj » membroj, kaj la ceteraj aliĝantoj nur « pasivaj ».

### IX. — Konkludo.

Mi finis. Kelkaj partoj de tiu ĉi laborprogramo estas akceptitaj de la Komitato en Stokholmo ; aliaj estos ekzamenataj en Romo. Mi plezure ricevos la opiniojn de miaj komitataj kolegoj, de la konsilantoj kaj de ĉiuj membroj de UEA, kiuj interesiĝas pri tiuj ĉi problemoj. Ili certe tiel helpos al nia asocio.

La Komitato de UEA sekvas sian laboran vojon. Fidu al ĝi ! Helpu ĝin !

Kiel ? Per efika kunlaborado. per vere « aktiva » membreco, per viaj fortoj, intelekto kaj koro.

Ni estas fortaj. Ni montru nian forton. Ek al ago !

P. Petit,
*Komitatano de UEA.*

# Esperanto en la lernejon kaj la trafikon!

Sub ĉi tiu titolo okazis dum Pentekosto nunjara Internacia Konferenco en Vieno, al kiu sin anoncis pli ol 350 ministerioj, universitatoj, Radio-stacioj, foiroj, korporacioj, Komercaj ĉambroj ktp., tiamaniere montrante sian intereson al la enkonduko de Esperanto en la praktikan vivon kaj pro tio unuavice en la lernejon.

La gazetaro esperantista raportis detale pri la okazintaj aranĝoj, kiuj estis sub la protektorato de la aŭstria ŝtatprezidanto s-ro Wilhelm Miklas. Ankaŭ nia « Esperanto » detale skribis pri ili en sia junia numero; malnecesas tial ripeti tiun raporton.

Kial ĉi tiu Konferenco estis necesa? Ĉar nia afero ne progresis laŭnecese, malgraŭ la multa klopodado de unuopaj Landaj Organizoj kaj unuopaj personoj en la plej diversaj landoj, malgraŭ la granda klopodado de nia iama Internacia Centra Komitato! En diversaj landoj oin atingis sukcesojn, kelkfoje daŭrajn kelkfoje nur efemerajn, sur la plej diversaj kampoj: lernejo, foiro, komerca ĉambro, Radio, komercaj entreprenoj, polico, fervojo, tramo ktp. Multa laboro estis necesa por ofte atingi nur malgrandan progreson kaj la Int. Centra Komitato ne havis krom la bona volo kaj la multa klopodo la monajn rimedojn, por eluzi la atingitajn rezultojn!

Krome sukcesoj en unuopaj ŝtatoj ne sufiĉas, por atingi la tutmondan rekonon de Esperanto, la ekkonon pri la neceso kaj la utilo de Esperanto. Tiuj ŝtatoj poste diros: « Ni lasu la aferon, ĉar aliaj ŝtatoj ne agas same kaj tial la valoro de Esperanto kiel internacia ligilo kaj interkomprenilo ankoraŭ ne estas sufiĉe granda ».

Post la intertraktadoj en Ĝenevo je Pasko 1933 kaj la fina Interkonsento de Kolonjo dum la 25a Universala Kongreso de Esperanto nia ĝisnun plej granda organizo, la « Universala Esperanto-Asocio » en Ĝenevo, transprenis la taskojn de iama Internacia Centra Komitato kaj per tio devus fariĝi nia tutmonda organizaĵo sub sia ĝisnuna titolo UEA. Grandaj estis la esperoj, kiuj ekĝermis en la koroj de la tutmonda esperantistaro kaj unuavice ĉe la fidelaj anoj de UEA, Ili esperis, ke nun la nova pli fortikigita UEA antaŭenpuŝos nian movadon kaj, laŭcele agante, postfaros tion, kio pro ne sufiĉe bona kaj forta organizo de nia movado ĝis nun ne estis farebla.

Sed ĉi tiuj esperoj ne plenumiĝis. La gvidantoj de UEA ŝajne ne sufiĉe komprenis la gravan taskon, kiun ili estis transprenintaj. Ili ĉiam estis nur gvidantoj de granda Asocio kaj ne trovis la vojon, irotan de tia grava organizaĵo, kia estas nia nuna UEA.

La direktoro de la Eksteraj Aferoj ne havis la necesan influon pro la sintenado de la ĉefgvidantoj.

Necesis do impulso de ekstero, kaj tiu estis la okazigo de Internacia Konferenco « Esperanto en la lernejon kaj Trafikon ». S-ro Kalkul. Konsilisto Frey en Vieno havis la ideon aranĝi la Konferencon. Pli vere, li reprenis la ideon de D-ro Privat el 1927, tiam ne efektivigeblan. Malgranda Komitato, 4-persona (Frey, Kreuz, Steiner, D-ro Uebelhör), transprenis la aranĝon de la Konferenco, entrepreno vere riska en nia ekonomie kaj politike kriza tempo, sed kun subteno, morala kaj mona, kiu lasta entute ebligis la aranĝon de la Konferenco, flanke de la aŭstria registaro kaj en streĉa kaj penplena kunlaboro de la komitatanoj ni havis plenan sukceson.

La alilandaj registaroj atentis pri la konferenco pro la modela sintenado kaj helpo fare de la aŭstria registaro. Multaj gravaj institucioj aliĝis pro tio, Nur UEA ne sufiĉe atentis pri la afero, eĉ ne aŭ tre malfrue atentigis en sia gazeto « Esperanto » la tutmondan samideanaron pri vigla kunlaboro kaj interesigo de iliaj landaj registaroj kaj institucioj. Sole Direktoro Robert Kreuz, nia komitatano, multege klopodis, sed havis sufiĉajn malhelpaĵojn ĉe la komitato de UEA mem, kvankam la organizantoj ne bezonis monan helpon de UEA.

Kiel jam dirite, la sukceso estis nia. Sed necesas nun, eluzi ĝin.

Kaj nun devas komenci la ĉefa laboro de nia organizaĵo. Granda kaj grava estas nia celo kaj efektivigebla per streĉa laboro kaj en kunagado de niaj Landaj Asocioj kaj ties gvidantoj en la diversaj landoj.

Mi preparas nun la tutan materialon kun aldono de la reskriptoj, per kiuj estas enkondukita en Aŭstrio Esperanto kiel nedeviga fako en la lernejon; estas starigita Ŝtata Ekzamena komisiono por Esperanto-Instruistoj; estas instalita « Lektorato ĉe Teknika Altlernejo en Vieno » jam en la jaro 1917; Esperanto estas enkondukita en la Polic-lernejon en Vieno. Aparta distingilo kun la Esperanto-emblemo estas enkondukita ĉe la policistaro en Vieno, Salcburgo, Lninz kaj Graz por policanoj, parolantaj Esperanton. La lernado de Esperanto estas iniciita ĉe la aŭstria fervojistaro. Ankaŭ ĝi nun portas dum deĵoro distingilon kun la vorto « Esperanto »; estas aranĝitaj kursoj ĉe la tramistoj en Vieno, kiuj dum certaj aranĝoj portas brakrubandon kun la surskribo « Esperanto »; estas enkondukita regula Esperanto-informservo pri Aŭstrio el la Radio-stacio Vieno, oficiale rekonata kaj subtenata de la registaro mem. Fine, ekzistas belaj gvidfolioj, ĉiujare eldonataj je kostoj de la ŝtato mem. Ĉi tiujn detalojn UEA citos kune kun la sukcesoj, kiujn atingis la esperantistoj en la diversaj landoj, kaj sendos al la Landaj Asocioj kun la peto, ke ili samtempe komencu la laboron en siaj landoj. Se tiam, en ĉiuj landoj, sur certaj kampoj, la Landaj Asocioj samtempe eklaboros menciante, ke oni same agas en ĉiuj aliaj landoj, la registaroj tute alie atentos pri niaj proponoj kaj bona sukceso certe en la plej multaj kazoj nur dependos de la lerteco de la gvidantoj de nia movado.

Tiamaniere estos sufiĉa tempo, por atingi nian ĉefan celon, ke Esperanto estu enkondukata por la jaro 1935-36 en la instruplanon de multaj lernejoj en kiel eble plej multaj landoj.

Same, ekzemple, modela eluzo de la varboforto de Esperanto rilate al la fremdultrafiko, pere de la oficialaj poŝtkartoj laŭ la modelo de Liĥtenstejno, Hungarujo kaj Brazilo, helpe de niaj gvidantoj, maturiĝos imiton en aliaj landoj. Mi esperas, ke Aŭstrio baldaŭ sekvos!

Ne estas la celo de ĉi tiu artikolo, nombri ĉiujn eblecojn, kiujn ni devos eluzi kaj povos eluzi sub bona gvidado de nia organizaĵo UEA en intima kunlaboro kun niaj Landaj Asocioj en la tuta mondo. Tion ĝustatempe reguligos nia direktoro Kreuz.

Sed la plej bona rimedo, konvinki la diversajn registarojn, la « Protokolaro » estos certe pri la Viena Konferenco dum decembro eldonota. Pro sia enhavo (paroladoj de la ŝtatprezidanto, de ministro Stockinger, de prof. de Teknika

Altlernejo Petritsch, ĉiuj konferencdiskutoj, rezolucioj, listo de la aliĝintaj ministerioj, ktp.) la Protokolaro estos la plej bona propagandilo por ĉiu esperantisto. Tial ĝi ne manku en kiu ajn organizo, klubo, rondo, ĉe kiu ajn eminentulo kaj propagandisto de nia movado. La Protokolaro aperos en Esperanto kun germana traduko (por la registaroj, institucioj, k.a.), entute sur proks. 80 paĝoj kaj estas tuj mendebla kontraŭ antaŭsendo de 5 internaciaj poŝt-respondkuponoj ĉe laIntern. Esperanto-Muzeo en Wien, I. Neue Burg, Aŭstrio.

Mi memoras, ke dum niaj ĝisnunaj Universalaj Kongresoj oni multe raportis pri sukcesoj en la diversaj landoj. Ĉi tiuj sukcesoj, atingitaj ofte nur post multa, streĉa laboro kaj oferado de nervoj kaj tempo, kiel jam dirite, ofte ne havis la deziritan efikon al nia tutmonda movado. Ni esperu, ke la estonta laŭplana laboro alportos bonajn rezultojn al nia movado kaj kontentigon al niaj pioniroj pro ilia laboro!

Kun granda ĝojo la esperantistaro tiam aŭskultos pri niaj progresoj kaj komprenos, ke la nova gvidantaro de UEA nur celas enkonduki la « novan spiriton » pro grandstila organiza laboro kaj fina venko de Esperanto, kiun ni ĉiuj sopiras, je honoro al nia UEA.

Sed — permesu ankoraŭ unu vorton — ĉiuj devas esti organizitaj en siaj Landaj Asocioj kaj krome esti aktivaj membroj de UEA, por ke ni povu plenumi ĉi tiujn gravajn kaj noblajn taskojn.

Ĉiu kunhelpu, neniu postrestu!

Por militiro estas bezonata mono, mono kaj mono. Same por nia paca militado!

Regist. Konsilisto H. STEINER, *Estrarano de UEA.*

## Malgranda Peno - Surpriza Efiko

Karaj amikoj!

Vi estas pretaj fari ion grandan por nia lingvo, akceli ĝian plej rapidan disvastigon. Vi tamen tute ne scias, kiamaniere vi povus senteble helpi al la movado, eminente servi al ĝi.

La afero estas absolute simpla kaj por ĉiu facila.

Varbu ĉiujare unu novan esperantiston kaj tiu faru la samon. La rezulto estos post la

| | | |
|---|---|---|
| unua jaro | — | 1 + 1 = 2 |
| dua jaro | — | 2 + 2 = 4 |
| tria jaro | — | 4 + 4 = 8 |
| kvara jaro | — | 8 + 8 = 16 |
| kvina jaro | — | 16 + 16 = 32 |
| sesa jaro | — | 32 + 32 = 64 |
| sepa jaro | — | 64 + 64 = 128 |
| oka jaro | — | 128 + 128 = 256 |
| naŭa jaro | — | 256 + 256 = 512 |
| deka jaro | — | 512 + 512 = 1.024 |

Se anstataŭ unu vi varbos ĉiujare du personojn la efiko estos post

| | | |
|---|---|---|
| unu jaro | — | 1 + 2 = 3 |
| du jaroj | — | 3 + 6 = 9 |
| tri jaroj | — | 9 + 18 = 27 |
| kvar jaroj | — | 27 + 54 = 81 |
| kvin jaroj | — | 81 + 162 = 243 |
| ses jaroj | — | 243 + 486 = 729 |
| sep jaroj | — | 729 + 1.458 = 2.187 |
| ok jaroj | — | 2.187 + 4.374 = 6.561 |
| naŭ jaroj | — | 6.561 + 13.122 = 19.683 |
| dek jaroj | — | 19.683 + 39.366 = 59.049 |

Unu samideano produktos do en dek jaroj en la unua kazo 1.024 kaj en la dua kazo 59.049 novajn esperantistojn.

Se nur 1.000 da nunaj esperantistoj sekvos tiun ĉi vojon, ili alkondukos al la movado en dek jaroj laŭ la unua formulo 1.024.000 kaj laŭ la dua formulo

59.049.000

da novaj adeptoj.

Sekvante tiun ĉi vojon, jam nia generacio povas ĝisvivi la plenan venkon kaj la kompletan efektivigon de nia ideo.

Jen la vojo kuŝas antaŭ vi — rekta kaj alloga.

M. Movo (Parizo).

## La Vojo al la Junularo

(Imitinda eksperimento)

Ĉu esperanto estas ĝenerale disvastigita nur post kiam ĝi estos enkondukita en la lernejo, kiel unuj opinias, aŭ male ĝi estos enkondukita en la lernejon, post kiam ĝi estos ĝenerale disvastigita?

Estas senutila demando kaj ni povas ĝin lasi nepritraktita. Ĝuste estas, ke ni devas sekvi ĉiujn vojon, kapablajn alproksimigi nin al nia celo, uzi ĉiujn rimedojn, kiuj povas helpi al ni, malatentante neniun kaj neniun lasante ne elprovita.

Neniu dubas pri tio, ke por la helplingva movado la lernejo estas faktoro unuaranga. Nur la lernejo povas havigi al ni *en plej mallonga tempo* la plej valoran, la plej multpromesan hom-materialon — la junularon. Ni nepre bezonas la lernejon. Kiel tamen ni povas konkeri ĝin? Kiel ni povas gajni ĝin por nia afero? Unuavide, certe per la oficoj, disponantaj pri la popolinstruado, do per la regisatroj.

Tiu ĉi kampo estas multfoje plugita kaj replugita, la rikolto tamen neniam estis satiga kaj la ŝvitondoj nemulte estis rekompencataj.

Ĉu ne utilus ekkomenci la laboron ankaŭ de alia fino? Ni devas distingi ĉi tie tri elementojn, nome: la instruistaron kun la super ĝi starantaj potencoj, la lernantojn kaj la gepatrojn. En la plejmulto de ŝtatoj ĉi tiuj lastaj estas nuntempe unuigitaj en la tiel nomataj gepatraj komitatoj, ie pli — aliloke malpli influaj. Tiuj ĉi rondoj estas pli facile influeblaj ol la oficialaj institucioj, plejparte timantaj suplementan respondecon kaj ligitaj per diversaj formalaĵoj. Ni devas agi per la gepatroj. Ni mem ja estas gepatroj kaj membroj de la tiuj komitatoj.

Aparte grava estas tamen la senpera prilaboro de la lernantoj mem. La juna generacio estas impresebla kaj akceptema por ideoj, akcelantaj la interkunfratiĝon de homoj, la restarigon de komuna egaleco, la plifaciligon de interpopolaj rilatoj.

Antaŭ kelkaj jaroj dekkvinjara filino de esperantisto en unu el la plej grandaj ĉefurboj de meza Eŭropo petis — laŭ sugesto de sia patro kaj en la nomo de la loka esperanto-organizo — la direktoron de ŝia gimnazio pri permeso iri tra la klasoj kaj enketi, ĉu estas dezirantaj studi esperanton kaj partopreni esperanto-kurson. La permeso estis senhezite donita, la enketo kun mallonga enkonduka parolado estis farita kaj la rezulto estis pli ol cent kursanoj sole en la plej altaj klasoj.

Ĉu la eksperimento ne estas imitinda?

M. Movo (Parizo).




# 27-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

11-a SOMERA UNIVERSITATO
KONGRESA KROZADO

3-10-17 DE AŬGUSTO 1935

ROMA
1 9 3 5
ROMA
1 9 3 5
ROMA
1 9 3 5
ROMA
1 9 3 5
ROMA
1 6 3 5
ROMA
1 9 3 5
ROMA
1 9 3 5
ROMA
1 9 3 5
ROMA

## Unua oficiala komuniko

La 26a Universala Kongreso de Esperanto en Stockholm unuanime kaj entuziasme akceptis la inviton de Itala Esperanto-Federacio okazigi la 27an en Roma en aŭgusto 1935. Sekve de tio, la Komitato de U.E.A. konfirmis al aprobon por la organizo de la 27a en Roma sub oficiala aŭspicio de U.E.A. mem.

Kun profunda danko al la tutmondaj gesamideaonj, Itala Esperanto-Federacio jam vigle dediĉis sin al la organiza laboro

1. *Patronado.* — Jam la potenca Asocio « Touring Club Italiano » bonvolis akcepti eniri la Patronadan Komitaton. Tiu granda Asocio estas jam simpatie konata inter la tutmondaj esperantistoj pro la belega traduko de la Gvidlibro *Milano kaj Lagoj de Lombardio.*

2. *Loka Kongresa Komitato.* — Tial ke, krom la ĉefaj Kongresaranĝoj en Roma, okazos ankaŭ aliaj gravaj Kongresaranĝoj en pluraj urboj, kaj la tuta organizo (Universala Kongreso-Somera Universitato-Kongresa Krozado al Afriko) havos nacian amplekson, la L.K.K. konsistos el la Direkta Komitato de Itala Esperanto-Federacio mem, plus aliaj membroj el la Nacia Komitato de Itala Esperanto-Federacio kaj el la ĉefa Kongresurbo, Roma.

Jen la listo de L.K.K.-anoj :

Prezidanto : Generalo Markizo Carlo Cordero di Montezemolo, Prezidanto de I.E.F.

Vic-Prezidanto : D-ro Prof. Giorgio Canuto, V. Prez. de I.E.F.

Administra Direktoro : D-ro Inĝ. R. Orengo.

Sekretariino : Paola Mellina.

Membroj : Geom. F. Bodini, Libt. A. Clavenna, Prof. G. Facchi, Libt. E. Filippi, Prof. F. Fresco, Prof. C. Grazzini, Prof. St. La Colla, D-ro Prof. B. Migliorini, D-ro E. Migliorini, S-ro L. Minnaja, D-ro Prof. V. Musella (blinduloj), Libt. P. Pace.

3. *Organiza Oficejo.* — Estos Organiza Oficejo de la 27a : « Esperanto-Centro Itala », sidejo de I.E.F. kaj centro de la Itala Esperanto-movado.

Ĉiun korespondaĵon, dokumenton, kaj monsendon koncernantan la Kongreson bonvolu adresi nur al :

« Esperanto-Centro Itala ».

Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano (Italio). Ne utile skribi al Roma pri Kongresaferoj.

Telegramadreso : « Esperanto », Galleria 92, Milano.

Poŝtĉeka Konto : Esperanto-Centro Itala, Milano, N. 3. 18715.

4. *Kotizoj.* — Baza kotizo por aliĝo : Liroj 100.—. Estas konsentitaj favorkotizoj por familianoj kaj junuloj, detale montritaj en la aliĝilo. Granda rabato por fruaj aliĝoj, maks. 30%

Estas fiksita speciale notinda kotizo por *Institucioj* kaj *Entreprenoj, Firmoj, Grupoj*, ktp., kiuj, eĉ ne povante sendi propran reprezentanton, deziras esprimi sian intereson kaj sendi sian aprobon al la celo de la Kongreso mem. Tiuj Helpkongresanoj ricevos la ĉefajn Kongresdokumentojn, ne rajtos (per la speciala kotizo) sendi reprezentanton, sed ili tre forte subtenos morale la Kongreson, se ilia nombro estos alta, kiel espereble.

La L.K.K. vokas la atenton de ĉiu fervora propagandisto al tiu aliĝo de Helpkongresano : facile, per ilia laboro, multaj Ko mercaj Ĉambroj, Internaciaj Foiroj, gravaj entreprenoj. Lernejoj, Institutoj, kaj unuavice Esperanto-Grupoj, estos varbataj kiel Helpkongresanoj ; ili povos iĝi miloj kaj miloj, kaj prezenti al la Itala Registaro imponan kolektivan forton, kiu certe treege influos por la morala efiko de la Kongreso mem en la oficialaj rondoj de Italio, kaj ankaŭ de la cetera tuta mondo.

La kotizo de Helpkongresano ne rajtigas je rabatoj kaj estas Liroj 40.— senescepte.

5. *Donacoj.* — Danke oni akceptas eĉ malgrandajn donacojn por la Kongresa Kaso ; same por la Blindula Kaso, ĉar laŭtradicie la Blinduloj rajtos aliĝi al la Kongreso senpage, kaj nur per la malavaraj donacoj oni povos kovri la koncernajn kostojn.

6. *Rajtoj ed la Kongresano,* — Ĉiu kongresano rajtos partopreni la kunsidojn de la Kongreso kaj la prelegojn de la Somera Universitato, ĉiujn oficialajn akceptojn, festojn de la Kongreso, kaj similajn aranĝojn. Ĉiu Kongresano, krome, ricevos *Tre grandajn rabatojn ĉe la turismaj aranĝoj de la organiza oficejo « Esperanto-Centro Itala »* okaze de la Kongreso mem. Partoprenante — kiel la plej multaj Kongresanoj certe faros — la turisman vojaĝon *« Tra Italio »* kaj ankaŭ la *Kongresan Krozadon*, per la rabatoj la Kongresano *Repagos al si Proksimume tri Kvaronojn* de la Kongresa Kotizo de frupaginto !

Sed tiom altaj rabatoj *Validos nur ĝis la fino de Januaro* 1935. Grandega estas do la persona profito en okazo de frua aliĝo !

Ĉiu Kongresano ricevos la oficialajn raportojn de U.E.A. kaj de aliaj oficialaj Institucioj de nia movado ; li ricevos, krome, urboplanojn kaj gvidlibretojn de la L.K.K., por plene ĝui kaj profiti la vojaĝon en Italio.

Inter la aliĝintoj ĝis la fino de januaro 1935, estos lotumataj allogaj premioj : turismaj vojaĝoj kaj valoraj verkoj el la itala literaturo. Jen la plena listo de la premioj :

1.a pr. : *Senpaga Granda Kongresa Ekskurso al Pompei kaj Insulo Capri* ;

2.a pr. : « Infero » de Dante en la klasika traduko de K. Kalocsay, belega ilustrita eldono de « Literatura Mondo ».

3.a pr. : Idem.

4.a pr. : « Historio de Kristo » de G. Papini, granda verko en bonega Esperanta traduko, 570 paĝoj.

5.a pr. : Idem.

6.a pr. ĝis 10.a. pr. : « Kurioza Okazajo », de Carlo Goldoni, klasika verko, belega ilustrita eldono.

7. *Datoj de la Kongreso.* — Jen la ĉefaj tagoj de la Kongresaj aranĝoj :

En Firenze : 3 aŭg. 1935, malfermo de la *Somera Universitato.*

En Roma : 5 aŭg. 1935, *Solena Malfermo de la Kongreso.*

En Roma : 7 aŭg. 1935, ĉefaj kaj fakaj kunsidoj, Internacia Balo.

En Napoli : 8 aŭg. 1935, *Granda Kongresa Ekskurso.*

En Napoli : 10 aŭg. 1935, *Fermo de la Kongreso.* Komence de la Kongresa Krozado al Afriko.

En Genova : 17 aŭg. 1935, fino de la Kongresa Krozado. *Fermo de la Somera Universitato.*

Oni povas diri ke la unua semajno (Firenze-Roma-Napoli) enhavos la ĉefajn Kongreslaborojn, kaj ke la dua semajno, de vendredo 9 al sabato 17, enhavos la plej interesajn prelegojn de la Somera Universitato (sur la ŝipo de la Kongresa Krozado) kaj la plej interesajn partojn de la granda turisma vojaĝo al Italio, ĝis la malproksimega Sudo, ĝis la blanka Afriko.

8. *Sidejo de la Kongreso.* — La oficiala sidejo de la Kongreso estos en *Roma.* Sed la tuto de la Kongresaj aranĝoj disvolviĝos sinsekve en : *Firenze* (1 t.), *Roma* (4 t.), *Napoli* (3 t.), *Mediteranea Maro* (Kongresa Krozado « Al Afriko », 7 t.), *Genova* (1 t.). Tiamaniere, la densa, deviga plurtaga Kongresa laboro-programo, permesos, anstataŭ malhelpi, la *eluzadon de la libertempo* por viziti la tutan landon.

Aparte estas jam publikigita la plena provizora programo de la Kongreso, Somera Universitato, Kongresa Krozado al Afriko.

*Somera Universitato.* — Ĝian organizon afable prezidos D-ro Prof-ro Bruno *Migliorini* de la Universitato de Fribourg, Vic-Prezidanto de la E. Akademio. Ĝia ĉefa celo estos plivalorigi laŭ kultura vidpunkto la vojaĝon al Italio kaj al Afriko.

10. *Kongresa Krozado.* — Ripoza vojaĝo per granda ŝipo sub Esperanta flago, en la blua Mediteranea Maro : de Napoli al Siracusa (Sicilio), Insulo Malta, Tripoli en Afriko, Palermo (Sicilio), Insulo Elba, Genova.

*Ne nur simpla, ordinara postkongresa ekskurso, sed parto de la Kongreso mem,* kaj ĉefa sidejo de la Somera Universitato estos la Kongresa Krozado. Per ĝi, unuafoje, Universala Esperanto-Kongreso tuŝos la Afrikan teron. Ĝi mirinde kompletigos la viziton al Italio, montrante plej bone la faman, admirindan Sicilion, kaj la junan italan Kolonion en Afriko, la ravan pejzaĝon araban, la randojn de la grandega dezerto mem. Ĝi estos, krome, impona kaj alloga, unika propaganda vojaĝo.

Ĝia fino en Genova ebligos tie inde kaj solene fermi la Kongrestagojn.

Sur la ŝipo vojaĝos italaj ĵurnalistoj, kiuj daŭre kaj plene kontaktos kun la tutmondaj esperantistoj, kaj povos ekzakte raporti al la granda publiko *la faktojn* pri nia lingvo, kiujn ĝi plejparte malkonas.

11. *Fakaj Kunsidoj.* — Specialan atenton oni dediĉos al la fakaj kunsidoj je teknika karaktero, kiuj akcentos la praktikan aplikadon de Esperanto en la diversaj branĉoj. Por ĉiu grava fako estos petata aparta aliĝo de koncernantaj Institucioj kaj Entreprenoj. — Oni bonvolu kontakti kun la Organiza Oficejo.

12. *Turismaj aranĝoj. — Grava novaĵo de la Roma Kongreso estos, ke la gesamideanoj havos la eblecon ŝpari monon kaj samtempe vojaĝi tre komforte sen ekstera helpo, sed simple per U.E.A.-Turisma servo.*

Tian aranĝon antaŭvidas la L.K.K. en plena akordo kun U.E.A. por plej bone utili al la gesamideanoj. Estas nepra devo eluzi vojaĝon grandiozan kaj interesegan laŭ ĉia vidpunkto, kiel estos la vojaĝo « Tra Italio » kaj en la Mediteranea Maro, al Sicilio, Insulo Malta kaj Afriko. Oni devas lerte prepari ĉiun detalon kaj meti je dispono de la geamikoj la grandan sperton de la italaj kleruloj kaj organizantoj. Oni devas proponi speciale malkarajn kotizojn, kaj samtempe eviti la pure komercajn, tro « malplenajn » turismajn kotizojn, kiujn ofte sekvas malagrablaj surprizoj. Jam de la Itala limo ĝis la bordoj de Afriko, la gesamideanoj devas senti sin amike helpataj de la italaj esperantistoj, ĉefe de la L.K.K.

La L.K.K. ricevis plenan komision de U.E.A.-Turisma Servo, ĉion organizi sub ĝia kontrolo ; kaj tio prezentos kredeble al ĉiu samideano eĉ plej postulema sufiĉan garantion de seriozeco.

Aparte estas jam donataj la ĉefaj informoj kaj la ĉefaj kotizoj, por la turismaj aranĝoj.

13. *Fervojaj rabatoj.* — La Kongresanoj povos certe profiti la *efektivan rabaton* je 50%, kaj specialaj favorkondiĉoj por la vojaĝoj en Italio estos laŭeble havigataj. La plej konsilinda kaj malmultekosta rimedo por vojaĝi malkare kaj plene ĝui la vojaĝon estos tamen simple aliĝi — *kiel eble plej frue* — al la turismaj aranĝoj de *UEA*-Turisma Servo okaze de la Kongreso. Oni sin turnu al la « Esperanto-Centro Itala » en Milano, Galleria Vittorio Emanuele, 92.

14. *Loĝejo kaj manĝoj.* — La mezaj oficialaj prezoj por hoteloj iom varias de urbo al urbo, ankaŭ pro la iom malsamaj lokaj impostoj. Bona komforta ĉambro en konvena hotelo duaklasa kostas 8-14 lirojn ; en unuaranga, 20 lirojn ; en luksa, 30 lirojn, aŭ iom pli multe. Ĉiuj diritaj prezoj por ĉambroj sen aparta banejo kaj sen matenmanĝo.

Plena matenmanĝo kostas meze 4 lirojn ; tagmanĝo aŭ vespermanĝo kostas, laŭ lokoj, de 7 ĝis 15 lirojn. Por 10 iroj oni povas ricevi kontentigan plenan manĝon.

15. *Ĝenerala programo.* — Estas publikigata ĝenerala programo koncernanta samtempe kaj la Kongresajn detalojn, kaj tiujn de la turisma aranĝo de U.E.A.-Turismo Servo, kunligita kun la Kongreso mem : en ĝi estas la detaloj de la Somera Universitato kaj de la Kongresa Krozado. La Ĝen. Programo estas detala, sed *provizora.*

Kompreneble, la Kongresan programon povos tre bone sekvi ankaŭ la gesamideanoj, kiuj preferos vojaĝi izole kaj sendepende de la turisma aranĝo de la L.K.K.

16. *Libervolaj ekskursoj.* — Estas en preparo multaj libervolaj ekskursoj en kunligo kun la Kongreso. Parte, ili estas dum la Kongrestagoj mem, kaj tiam ili estas indikitaj

en la ĝenerala programo, per steleto; parte ili estas en la tagoj tuj antaŭ la komenco de la ĝenerala programo, aŭ en la tuj sekvontaj tagoj.

Aparte aperas plena listo de la Libervolaj ekskursoj, kun la detalaj programoj kaj aparte koncernaj kotizoj.

17. *Kurzo de la Liro.* — La liro estas sur firma ora bazo. Ĝia kurzo ne ŝanĝas senteble rilate la svisan frankon: unu svisa franko valoras proks. 3.80 italajn lirojn. Unu funto sterlinga valoras *nun* ĉ. 57.— italajn lirojn: unu franca franko, 0.77.

18. *Aliĝoj.* — Aliĝis ĝis la 7.10.34-XII°, 70 Kongresanoj el 14 landoj. Aparte estas publikigita la plena listo kun ĉiu indiko.

Kun simpatio kaj plej sincera danko, la L.K.K. salutas jam nun la unuajn Kongresanojn; kaj invitas tre varme ĉiujn gesamideanojn al favorega, vigla, senlaca propagando por nia 27.a, por *Roma* 1935!

## KOTIZOJ (en italaj liroj)

| 1. KONGRESA KOTIZO, ĝis: | fino | 31-1-35 | 30-4-35 | 30-6-3 |
|---|---|---|---|---|
| A: plena kotizo | 100 | 70 | 80 | 90 |
| B: familiano | 60 | 42 | 48 | 54 |
| C: junulo | 40 | 28 | 32 | 36 |

TURISMAJ KOTIZOJ (la Kongresanoj, regule pagintaj la Kongresan kotizon, rajtas je fortaj *rabatoj* ĉe la turismaj kotizoj. Ĉi-sube, apud la *plenaj kotizoj*, validaj por simpla turisto ne-Kongresano, estas indikitaj la RABATITAJ KOTIZOJ, validaj NUR por Kongresano).

**2. BAZA KOTIZO « T »** (por la tuta granda vojaĝo « Tra Italio »):

| | Plena kotizo | por kougresano |
|---|---|---|
| Fervoja vojaĝo de itala limo ĝis Napoli kaj reen ĝis itala limo; turisma aranĝo en Firénze, Roma, Napoli, kaj survoje, laŭ la detala programo; Granda Kongresa Ekskurso Napoli-Pompei-Capri-Napoli; ekspedoj kaj transportoj de la pezaj pakajoj . | 526 — | **498** — |

**3. KONGRESA KROZADO** (« Al Afriko », granda ŝipvojaĝo septaga):

| | | plena kotizo | por kongresano |
|---|---|---|---|
| | Ŝipvojaĝo de Napoli al Siracusa, Malta, Tripoli, Palermo, Insulo Elba, Génova; lito kaj tri manĝoj tage sur la ŝipo; teraj ekskursoj kaj vizitoj; prelegoj kaj festoj sur tre komforta speciala ŝipo; loko en: | | |
| S: | salono, kun multaj litoj . . . . . . . . . . | 375 — | 355 — |
| A: | kajuto kun 2-4 litoj, turista klaso, interna | 495 — | 472 — |
| B: | » » 3-4 » » » ekstera | 518 — | 495 — |
| C: | » » 2 » » » . . . . . . | 543 — | 520 — |
| D: | » » 3-4 » IIa » . . . . . . | 595 — | 570 — |
| E: | » » 2 » IIa » . . . . . . | 615 — | 590 — |
| F: | » » 3-4 » IIa supera » . . . . . . | 640 — | 612 — |
| G: | » » 2 » IIa » . . . . . . | 658 — | 630 — |
| H: | » » 3-4 » Ia » . . . . . . | 695 — | 655 — |
| I: | » » 2 » Ia » . . . . . . | 720 — | 680 — |
| J: | » » 1 lito, Ia » . . . . . . | 757 — | 715 — |

NOTOJ. — *La tuta aranĝo sur la ŝipo estos absolute komforta: la ŝipo mem estas speciale aranĝita por turismaj Krozadoj.*

— *La manĝoj estas egalaj por ĉiuj klasoj: la diferenco de la prezoj estas pro la malsameco de la kajutoj, kaj de la rilata komforto en la superaj klasoj.*

— *En la Salonoj kun multaj litoj ne estas supermetitaj ŝipkuŝejoj, sed apudmetitaj tre bonaj ferlitoj, kun sufiĉega spaco, apartaj duŝejoj, lavejoj, ktp.*

— *En multaj kajutoj la litoj estas hotelaj litoj, ne ŝiplitetoj.*

— *Ĉar la nombro de la lokoj sur la ŝipo estas precise limigita, la aliĝoj devas alveni kiel eble plej frue.*

— *La unuaj aliĝintoj ricevos nepre ĉian preferon.*

Informas: **ESPERANTO-CENTRO ITALA MILANO** Galleria Vittorio Emanuele, 92

## Provizora Programo

## de la Kongresaj kaj turismaj aranĝoj

*Rimarko*: — Estas skribitaj per GRANDAJ LITEROJ la punktoj de la programo je kiuj rajtigas la Kongresa kotizo;

— Estas markitaj per litero T la punktoj de la programo entenataj en la Turisma Aranĝo (Baza kotizo T: vojaĝo « TRA ITALIO »). UEA-Turisma servo (komisie: Esperanto-Centro Itala en Milano, Galleria Vittorio Emanuele, 92) prizorgas kaj kontrolas la organizon de la Turismaj Aranĝoj de la Kongresa Krozado.

T — De la limo al la Unuaj Koncentriĝoj. NB. — *Libervolaj haltoj en la urboj de la Unuaj Koncentriĝoj: Génova, Torino, Milano, Verona, Venezia organizotaj de Esperanto-Centro Itala: detaloj kaj kotizoj pri tiuj haltoj aparte donotaj.*

**Unua tago** — SABATO, 3 AŬGUSTO — **FIRENZE.**

**T** — komuna forveturo:
— de Génova h. 5,20 al Pisa-Firenze: alveno 10,11.
— de Torino h. 6 al Bologna-Firenze: alveno 12,55.
— de Milano h. 8,18 al Bologna-Firenze: alveno 12,55.
— de Verona h. 9,20 al Bologna-Firenze: alveno 12,55.
— de Venézia h. 9,15 al Bologna-Firenze: alveno 12,55.

**T** h. 12 — tagmanĝo en vagono (Bologna-Firenze).
**T** h. 12 — tagmaĝo en Firenze (por deveno Génova).
**T** h. 13 — veturo al la Hoteloj.
* h. 14,30 libervola ekskurso al Fiésole.
* h. 14,30 vizito per aŭtomobilo pri Firenze, Montetoj, Astronomia Observatorio en Arcetri.
T h. 15 — gvidado tra Firenze.
h. 18 — OFICIALA AKCEPTO.
h. 18,30 MALFERMO DE LA SOMERA UNIVERSITATO: PAROLADO PRI DANTE.

T h. 20,30 komuna vespermanĝo.
h. 21,30 INTERKONATIGA VESPERO.
T — tranokto en Firenze.

**Dua tago** — DIMANĈO, 4 AŬGUSTO — **FIRENZE-ROMA.**

T h. 7,30 matenmanĝo.
h. 8 — DISERVOJ.
T h. 9,30 veturo de la Hoteloj al la Stacidomo.
T h. 10,15 forveturo al Roma per specialaj trajnoj.
T h. 11,30 tagmanĝo en vagono survoje al Roma.
T h. 15 — alveno en Roma kaj veturo al la Hoteloj.
T h. 17,30 vizito pri Roma per aŭtomobiloj.
T h. 20,30 komuna vespermanĝo.
h. 21,30 PREPARAJ KUNVENOJ (UEA-Komitato, LKK).
T — tranokto en Roma.

**Tria tago** — LUNDO, 5 AŬGUSTO — **ROMA.**

T h. 8 — matenmanĝo.
T h. 8,30 veturo al la Vatikana Urbo, vizito kaj reveturo.
h. 11 — SOLENA MALFERMO DE LA 27.a UNIVERSALA KONGRESO.
h. 15 — KUNSIDO DE LA KOMITATO DE U.E.A.
h. 17 — OFICIALAJ AKCEPTOJ.
h. 21 — VESPERA AMUZA KUNVENO.
T.— tranokto en Roma.

**Kvara tago** — MARDO, 6 AŬGUSTO — **ROMA.**

T h. 8,30 matenmanĝo.
T h. 8,50 veturo al la Roma Forumo.
h. 9,15 VIZITO PRI LA ROMA FORUMO.
h. 10,30 SOMERA UNIVERSITARO: PRELEGO EN LA ROMA FORUMO.
h. 11,30 KOMUNA FOTOGRAFADO EN LA FORUMO.
* h. 12,15 libervola ekskurso al Ostia kaj Lido de Roma : pikniko sub la pinarbaro de Castel Fusano-Marbanoj.
* h. 13,30 libervola ekskurso al Littòria.
* h. 13,30 libervola ekskurso al Castel Gandolfo kaj Lago de Nemi kaj vizito pri la Rom-epokaj ŝipoj.
* h. 14,30 libervola ekskurso al Villa Adriana, Tivoli kaj Villa d'Este : famaj akvofaloj, mondfamaj fontanoj kaj ĝardenoj.
h. 21 — LITERATURA VESPERO.
T — tranokto en Roma.

**Kvina tago** — MERKREDO, 7 AŬGUSTO — **ROMA.**

T h. 8,30 matenmanĝo.
h. 9 — LABORKUNSIDO DE U.E.A.
* — okazos duan fojon la samaj libervolaj ekskursoj de la antaŭa tago.
h. 14 — KUNSIDO DE LA KOMITATO DE U.E.A.
h. 15 — SES PARALELAJ FAKAJ AU SPECIALAJ KUDSIDOJ.
h. 16,30 SES PARALELAJ FAKAJ AŬ SPECIALAJ KUNSIDOJ.
h. 18 — SES PARALELAJ FAKAJ AU SPECIALAJ KUDSIDEJ.
N.B. — Dum la posttagmezo, vizitoj laŭ profesiaj grupoj al Muzeoj, industriaj aŭ urbaj instaloj, ktp.

h. 21 — INTERNACIA BALO KAJ KONKURSO DE NACIAJ KOSTUMOJ.
T — tranokto en Roma.

**Sesa tago** — ĴAŬDO, 8 AŬGUSTO — **ROMA-NAPOLI.**

T h. 8 — matenmanĝo.
h. 8,30 KONSILANTARO DE U.E.A.
h. 9 — ALIAJ EVENTUALAJ KUNSIDOJ.
T h. 11,30 veturo de la Hoteloj al la Stacidono.
T h. 12 — forveturo al Napoli per specialaj trajnoj.
T h. 12.30 tagmanĝo en vagono survoje al Napoli.
T h. 15 — alveno en Napoli kaj veturo al la Hoteloj.
T h. 17,30 vizito pri Napoli per aŭtomobiloj.
h. 21 — KUNSIDO DE KOMITATO AŬ KONSILANTARO DE U.E.A.
T — tranokto en Napoli.

**Sepa tago** — VENDREDO, 9 AŬGUSTO — **NAPOLI.**

T h. 7,30 matenmanĝo.
T h. 8 — Granda Kongresa Ekskurso (tuttaga) : Napoli-Pompei-Capri.
T — veturo al Pompei.
T — vizito pri la fama antikva urbo elfosita el sub la cindroj de la vulkano Vesuvo.
T — veturo al la marbordo kaj enŝipiĝo.
T — ŝipe al la fabela Insulo Capri.
T — tagmanĝo sur la ŝipo.
T — rondveturo kaj halto ĉe Insulo Capri.
T — verspermanĝo sur la ŝipo.
T — reveno al Napoli.
PRELEGOJ DE LA SOMERA UNIVERSITATO PRI POMPEI KAJ VESUVO DUM LA GRANDA KONGRESA EKSKURSO.
h. 21 — MARA NOKTOFESTO.
T — tranokto en Napoli.

**Oka tago** — SABATO, 1o AŬGUSTO — **NAPOLI.**

T h. 8 — matenmanĝo.
* h. 8,30 libervola ekskurso al la kratero de Vesuvo.
* h. 8,30 libervola ekskurso al Sorrento kaj Amalfi.
h. 15,30 FERMA KUNSIDO DE LA KONGRESO.

**KONGRESA KROZADO: « AL AFRIKO ».**

h. 18,30 ekveturo de la ŝipo al Siracusa.
h. 20 — vespermanĝo kaj tranokto.

**Naŭa tago** — DIMANĈO, 11 AŬGUSTO — **NAVIGADO APUD SICILIO-SIRACUSA.**

h. 8 — DISERVO SUR LA ŜIPO.
h. 9 — matenmanĝo.
h. 10 — PRELEGO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.
h. 13 — tagmanĝo.
h. 15 — alveno en Siracusa kaj elŝipiĝo.
h. 15,30 vizito pri la antikva greka urbo.
h. 21 — enŝipiĝo kaj vespermanĝo.
h. 22 — forveturo al Malta.
— tranokto.

**Dekatago** — Lundo, 12 Aŭgusto — **NAVIGADO AL AFRIKO-MALTA.**

h. 7 — alveno en Malta.
h. 7,30 matenmanĝo.
h. 8 — elŝipiĝo kaj vizito pri « La Valletta ».
h. 13 — tagmanĝo.
h. 14,30 forveturo al Tripoli.
h. 17 — PRELEGO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.
h. 19 — vespermanĝo.
h. 21 — festo sur la ŝipo kaj tranokto.

**Dekunua tago** — Mardo, 13 Aŭgusto — **TRIPOLI.**

h. 7 — alveno en Tripoli.
h. 7,30 matenmanĝo.
h. 8 — elŝipiĝo kaj vizito pri la araba urbo.
h. 13 — tagmanĝo sur la ŝipo.
h. 16,30 ekskurso al Oazo de Tripoli.
* h. 16,30 granda libervola ekskurso tra la Oazo al la dezerto kaj la Gasr Garian-Afrika nokto en la dezerto.
* h. 19 — vespermanĝo dum la ekskurso.
h. 19 — vespermanĝo sur la ŝipo.
— tranokto.

**Dekdua tago** — Merkredo, 14 Aŭgusto — **EN MARO**

* h. 1 — reveno de la libervola ekskurso kaj enŝipiĝo-forveturo.
h. 9 — matenmanĝo.
h. 10 — PRELEGO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.
h. 13 — tagmanĝo
h. 17 — amuzoj kaj dancoj sur la ŝipo.
h. 19,30 vespermanĝo kaj tranokto.

**Dektria tago** — Jaŭdo, 15 Aŭgusto — **NAVIGADO APUD SICILIO-PALERMO.**

h. 8 — matenmanĝo.
h. 9 — alveno en Palermo kaj elŝipiĝo — vizito pri la urbo.
* h. 9,30 libervola ekskurso al « Monreale » kaj « Monto Pellegrino ».
h. 13,30 tagmanĝo.
h. 16,30 forveturo al Portoferrajo.
h. 20 — vespermanĝo kaj tranokto.

**Dekkvara tago** — Vendredo, 16 Aŭgusto — **PALERMO-PORTOFERRAJO,**

h. 9 — matenmanĝo.
h. 10 — PRELEGO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.
h. 13 — tagmanĝo.
h. 17 — amuzoj kaj dancoj sur la ŝipo.
h. 19 — vespermanĝo.
h. 20,30 alveno al Insulo Elba : halto en la Golfo de Portoferrajo.
h. 22.— forveturo al Génova.
— tranokto.

**Dekkvina tago** — Sabato, 17 Aŭgusto — **NAVIGADO APUD LA LIGURIA RIVIERO-GENOVA.**

h. 8 — matenmanĝo sur la ŝipo.
h. 9 — alveno en Génova kaj elŝipiĝo.
h. 10,30 FERMO DE LA SOMERA UNIVERSITATO
h. 11,30 OFICIALA AKCEPTO EN GENOVA.
N.B. — *La vizito pri la urbo Génova kaj ĝiaj belegaj ĉirkaŭaĵoj estos temo de libervolaj ekskursoj pri kiuj sekvos detala informo.*
T — Reveturo al itala fervoja limo (tago kaj horo laŭplaĉe).

*Rimarkoj* — Ĉiuj punktoj de la programo markitaj per steleto * estos eksterkotizaj aranĝoj : sekvos plena listo de ĉiuj libervolaj eskursoj kun la koncernaj detalaj programoj kaj kostoj.

— EN LA BAZA KOTIZO T POR LA Turisma Aranĝo « Tra Italio » ESTAS ENTENATAJ, KROM ĈIUJ PUNKTOJ DE LA PROGRAMO MARKITAJ PER LITERO *T*, ANKAŬ :

a) *la vojaĝo en tria klaso de kiu ajn itala fervoja limo ĝis Roma kaj Napoli (rekte), kaj reen ĝis kiu ajn, eĉ tute alia itala fervoja limo (rekte). Haltoj dum la revenvojaĝo laŭplaĉe.*
*(Por la Samideanoj kiuj enveturos Italion tra Modane aŭ Ventimiglia, partoprenos la aranĝon « TRA ITALIO », sed ne partoprenos la Krozadon, estos eble necesa ia krompago por la veturo tra Firenze en la vojaĝo al Roma-Napoli : specialaj klarigoj por ili sekvos siatempe).*

b) *la ekspedo kaj ĉiuj transportoj de la pezaj pakaĵoj de la itala limo ĝis Roma, kaj de Roma ĝis Napoli.*

---

# U. E. A. - Turisma Servo

**Komisie :**
**Esperanto-Centro Itala, Galleria V. E. 92 MILANO, Ital.**

**KONGRESA KROZADO " AL AFRIKO " okaze de la 27a Universala Kongreso de Esperanto, Romo 1935**

## Gajno de unu miliono da liroj :
## Jen la Ŝanco por frua aliĝinto !

Por igi kiom eble plej solena kaj sukcesa la 27.an Universalan Kongreson de Esperanto, kiu okazos venontan aŭguston en Romo, en akordo kun la L.K.K., U.E.A. komisiis la Kongresan Oficejon, « Esperanto-Centro Itala » en Milano, organizi ankaŭ la grandan *Kongresan Krozadon « Al Afriko »*.

Tiu ĉi Krozado okazas sur speciala ŝipo : ĝi ekveturos de Napolo la 10 aŭgusto, pasos apud la insula vulkano Strombolo, trapasos la Markolon de Mesino, pasos antaŭ la vulkanego Etno en Sicilio, haltos en Sirakuso, kie okazos vizito al la urbo kaj al la malnovegaj grekaj restaĵoj ; ĝi daŭrigos al la Insulo Malto. Tie okazos vizito al la mirinda, interesega ĉefurbo La Valletta ; ĝi daŭrigos al Tripolio, ĉefurbo de la itala Kolonio Libio, eble la plej kurioza kaj interesa urbo de Norda Afriko. Tie okazos aŭtomobilaj

vizitoj al la Oazo de Tripolio, kaj ekskurso al la Dezerto, ĝis la montetoj de la interno, kun la famaj kavernaj loĝejoj, kaj nokto en la Dezerto, sub la plena luna lumo. Tie oni ricevos neforgeseblan impreson, tute strangan por eŭropanoj, pri araba folkloro kaj vivo en tiu fabela kaj mistera Afriko. Neniam Esperanto-Kongreso kondukis la samideanojn tiom malproksimen de ilia kutima vivo, kaj prezentis tian kuraĝan, grandiozan, ravan programon.

De Tripolio, la ŝipo revenos al Sicilio laŭ alia vojo : pasante apud Pantelleria kaj Insuloj Egadi, ĝi venos al Palermo ; tie okazos vizito al la Sicilia ĉefurbo ; ĝi daŭrigos al Insulo Elbo, poste al Ĝenovo, laŭ la Liguria Riviero. En Ĝenovo la Krozadanoj elŝipiĝos. Tie okazos la solena fermo de la 11-a Somera Universitato en Esperanto, kies prelegoj okazos grandparte sur la ŝipo mem, kun la celo igi plej interesa kaj instrua la vojaĝon.

La personoj, kiuj pro iaj kaŭzoj ne povos aliĝi la 27-an Universalan Kongreson, povos tamen partopreni la Kongresan Krozadon. Ili nur ne povos profiti (se ili ne pagis la Kongresan Kotizon) la favorajn kotizojn rezervatajn al la Kongresanoj. — Personoj, kiuj havos la deziron enŝipiĝi en Ĝenovo anstataŭ en Napolo, ĉar ili ne povos sekvi la antaŭan Kongresan programon, povos libere tion fari, se plialtigo de la kotizoj de la Krozado (nur la pliajn manĝojn ili devos pagi, laŭ tre modesta prezo). La ŝipo forveturos de Ĝenovo du tagojn antaŭ la forveturo el Napolo. Tiuj personoj havos ankaŭ la tempon aliĝi en Napolo al la Kongresa Ekskurso Napoli-Pompei-Capri.

Por certigi la plenan sukceson de la *Kongresa Krozado*, estas necese sendi tuj sian aliĝon. Cetere, tio estas plej konvena je la propra intereso, ĉar :

1-e. — La nombro de la lokoj sur la ŝipo estas severe limigita. Pro leĝa devigo, oni ne rajtas akcepti eĉ nur unu plian lokon, krom la antaŭviditaj.

2-e. — En la ŝipo, la komforto de la kajutoj, eĉ de la sama klaso, varias. Fruaj aliĝintoj ricevos nepre ĉian preferon. Neniu alia konsidero influos tiun ĉi regulon.

3-e. — En printempo 1935, okazos la granda Loterio de Tripolio. Tiu Loterio, rajtigita per Reĝa Dekreto, disdonas premiojn je Pluraj Milionoj da Liroj. En 1934, la

**UNUA PREMIO ATINGIS**

**PLI OL SES MILIONOJN DA LIROJ**

**kaj multaj grandegaj aliaj premioj estis disdonataj.**

Oni decidis partoprenigi al tiu ĉi granda Loterio, per 1-6 bileto, ĉiujn personojn, kiuj aliĝos al la Kongresa Krozado antaŭ la 31.1.35.

Sekve, la fruaj aliĝintoj, krom la plezuro partopreni eksterordinare allogan vojaĝon « Al Afriko », kaj helpi al la grandioza sukceso de nia 27-a, havos plie la ŝancon iĝi posedantoj de UNU MILIONO DA LIROJ !

Ĉio supre dirita igas superflua, laŭ nia opinio, la varman rekomendon : aliĝi jam nun al la Krozado, kaj varbi por ĝi plej vigle kaj entuziasme ! Varbi por ĝi ankaŭ tial, ĉar, la Organiza Oficejo ne povos plene garantii la suprajn eksterordinare favorajn kondiĉojn, se la atendata minimumo da aliĝoj ne alvenos en la ĝusta tempo.

# " De nordo al sudo "

## La granda vojaĝo al Italujo kaj al Afriko okaze de la Dudeksepa en Romo 1935

*Io nova :* Jen la unua impreso, kiun ni ricevas, aŭdante la unuajn informojn pri la proksima Roma Kongreso. Kaj tiu ĉi impreso, ni konfesas, estas tre favora, vekas nian tutan scivolemon, tiklas nian intereson, ekscitas nian sopiron al la fama lando de l'blua maro, de la florantaj ĝardenoj, de la kolosaj vulkanoj, de trimiljara historio...

Io nova estas en tiu ĉi Kongresa programo, aspektanta grandioze : tio estas, la Kongresa tempo, kiu por multaj estas la sola libertempo de la jaro, ne estos uzata nur por Kongresaj laboroj, kaj por vizito de la Kongresa urbo ; sed estos plej zorge kaj lerte uzata por konduki la eksterlandajn Kongresanojn tra la tuta Italujo, kaj ĝis la malproksima Afriko, ĝis la fundo de la granda Golfo de Sirte.

La Roma Kongreso estos la « migranta » Kongreso : en Florenco (Firenze), malfermo de la Somera Universitato ; en Romo, solena malfermo kaj laborkunsidoj de la Kongreso ; en Napolo (Napoli), kunsidoj, Granda Kongresa Ekskurso, festoj sur la maro, vizito pri la famaj ĉirkaŭaĵoj ; de Napolo, al Sicilio, al Insulo Malto, glora insulo de la Kavaliroj, al la Afrika bordo, al la pejzaĝo de palmoj kaj barakanoj, poste al Palermo, al Insulo Elbo, la Napoleona, al la Liguria Marbordo, al Ĝenovo (Génova), la ĉefa havenurbo de la Mediteraneo, kaj en Ĝenovo la fermo de Somera Universitato. Jen dekkvin tagoj bonege eluzotaj !

Firenze, Roma, Napoli : Tri nomoj kiuj prezentis la celon kaj la sopiron de tiom da famaj kleruloj, tri nomoj ĉirkaŭ kiuj koncentriĝas la antikva kaj la mezepoka historioj : tri urboj je tute malsama beleco, tamen admirinde belaj pro monumentoj kaj natura situo. La vojaĝo dum la ĉefaj Kongrestagoj havos certe nur unu mankon : ke la tempo estos malmulta, kaj tro, tro rapide flugos for !...

De Napolo al Sicilio, al Malto, al Afriko. Tiuj tri aliaj lokoj estas je plej alta grado indaj je vizito ; kaj jen konkludo: la Esperantistaro amase aliĝu al la Roma Kongreso kaj al ties turismaj aranĝoj.

La Kongresa Krozado estas granda, alloga novaĵo por niaj jaraj Esperanto-festoj : estas la « migranta » Kongreso, kiu iĝas « naviganta », kaj de la plej belaj urboj kondukas al la plej famaj insuloj, al la Nigra Kontinento, kien neniam ĝis nun iris amase la gesamideanoj. Kongreso en Afriko ! Kongreso sur la senfine lazura, blua, briletanta Mediteranea maro, dum la plej favora, « ora » semajno por la ŝipveturadoj ! Efektive jam alifoje okazis ŝipveturoj de esperantistoj al Kongresoj, sur la Norda maro, sur la Balta maro: sed neniam la internacia Kongresanaro mem vivis parton de sia Kongresa tempo sur ŝipo, speciale luita por la Kongresaj tagoj, eble neniam prezentiĝis programo tiom plena je neatenditaj allogaĵoj, je nomoj de lokoj, kies vizito prezentiĝis ĝis nun al la plejmulto el ni kiel neatingebla revo !

Insuloj Eolaj, fajra pinto de la soleca vulkano Stromboli, de jarmiloj natura lumturo al la feniciaj, al la grekaj, al la romaj pilotoj ; Mesino (Messina), kuraĝa urbo renaskiĝinta

el la plej granda tertrema katastrofo kiun historio memoras, ĉe la plej bela markolo de l'mondo; kolosa vulkanego Etno, kies pinto kovriĝas de ardaj lafoj kaj blankaj neĝoj samtempe; Sirakuso (Siracusa), la plej granda urbo de la antikva epoko, kun la imponaj restaĵoj de antaŭ pli ol du jarmiloj; Malto, insulo plata kaj soleca, kun la profunde kaŝitaj havenoj, kun la urbo maŭra-itala, je mallarĝegaj stratetoj, je strangaj balkonoj, je kuriozaj virinkostumoj, Malto, fortikaĵo estranta la Mediteraneon; Tripolio (Tripoli), antaŭ malmulte da jardekoj nesto de piratoj, deirpunkto de la karavanoj al la Granda Dezerto, Oazo trankvila kaj ripoziga, kie la vento susuras tra altaj palmoj, Oazo inter senfina sabla ebenaĵo kaj senfina maro...; Oazo kun la karakterizaj arabaj dometoj, kameloj, homamasoj el berberoj, araboj, judoj, orientanoj, en kostumoj je viglaj koloroj; kaj en la interno, dunoj, soleco, noktoj, kie la luna lumo atingas eksterordinaran intensecon, kaj ĉio estas paco kaj silento, krom mallaŭtaj monotonaj kantoj de araboj, preparantaj kaŭre la teon apud primitiva fajreto...

Denove al la maro. Ree al Sicilio. Palermo, la Ora Kuvo, la ĉefurbo kun postesignoj kaj belegaj monumentoj de la araba civilizacio kaj de la normanda; kun Monto Pellegrino, « la plej bela promontoro de l'mondo », laŭ Gœthe; kun Monreale, kies preĝejo indas sola vojaĝon; fine, la Tirena navigado, la insularo apud Korsiko kaj la Toskana marbordo, Insulo Elbo, unua ekzilejo de Napoleono kaj vartejo de la eta Victor Hugo; la Liguria Riviero, Ĝenova, la Majesta... kaj la revo finiĝis !...

Estas kaŭzo de fiero por U.E.A., ke ĝia Turisma Servo povas kuraĝi la entreprenon de organizo de vojaĝo, tiom grandioza kaj bela. Ĝi tion faras, ĉar ĝi opinias sian devon helpi konkrete al la gesamideanoj, kaj ĝi ne dubas, ke ili multenombre uzos la servon, por profiti mem, kaj samtempe helpi al U.E.A. plene sukcesigante ĝian iniciaton.

La sinceraj amikoj de U.E.A. estas kore petataj, propagandi, ĉu inter esperantistoj, ĉu inter konatoj ne-esperantistoj, la turismajn aranĝojn en Italujo okaze de la 27-a. Ili devas fari sian eblon por havigi al la « Esperanto-Centro Itala » en Milano (Gall. V. E. 92), kiu organizas komisie en kunlaboro kun nia Centra Oficejo, kiel eble plej fruajn aliĝojn. Tio estos pruvo, ke ili konscias pri la nepra neceso kaj devo de la nuna epoko : triumfigi la Kongreson de Romo !

Unu samideano demandis, ĉu oni ne devos timi troan varmon en Italujo kaj dum la Kongresa Krozado, pro la suda klimato.

Ni povas trankviligi lin, kaj samtempe eble aliajn. En Romo kaj Napolo, pro la apudeco de la maro, estas ĉiam freŝa venteto dum somero, kaj la varmo estas MALPLI SENTEBLA OL EN NORDA ITALUJO KAJ EN CENTRA EUROPO; cetere, dum la pasinta 26-a. en la samaj tagoj en Stokholmo estis du gradoj pli, ol en Romo.

La organizo de la Kongreso antaŭvidas kiom eble plej multe da tagoj apud la maro aŭ sur la maro mem. Sur la maro blovas la regulaj someraj ventetoj, kiuj igas perfekte agrabla la restadon. Krome, sur la ŝipo de la Kongresa Krozado oni povos resti tute libere, se oni volos; eĉ simple surmeti sian modernan, elegantan bankostumon. Kiel ĉiuj krozadoj, la Kongresa Krozado estos ripoziga libertempo sur la maro, en la plej taŭga epoko.

Ankaŭ pri la trankvileco de la ondoj, la epoko elektita certigas plej glatan ŝipveturon. En Mediteraneo, kiel en Tireno, dum fino de julio kaj komenco de aŭgusto, la maro restas tia, ke oni ne povas eĉ havi ideon pri marmalsano.

---

# Kial fariĝi aktiva membro de U.E.A ?

*Dialogo inter la direktoro de U.E.A. kaj iu Esperantisto.*

*Direktoro:* Kara samideano, mi deziras inviti vin, fariĝi membro de U.E.A. por nia agadjaro 1935, ĵus komenciĝinta. Sendube vi konservos al nia movado vian ĝisnunan intereson.

*Esperantisto:* Estimata direktoro, kiel vi povas dubi pri tio. Mi jam estas membro de U.E.A. por la nova jaro. Post kiam fine estas atingita la unueca organizo internacia mi refariĝis aŭtomate membro de U.E.A. pere de nia landa asocio.

*D.:* Certe, vi apartenas per tio al la internacia organizo de la movado, sed nur kiel simpla membro.

*E.:* Nu, jes, mi tamen pagis apartan kotizon de duona svisa franko, enhavita en la kotizo de nia landa asocio.

*D.:* Efektive. Tiu ĉi duona franko tamen estas nur kontribuo al la ekzisto de internacia organizo esperantista. Ĝi ja almenaŭ devas havi bazon de ekzisto. Por duona franko oni ne povas liveri multon.

*E.:* Kial ne ? Amaso da esperantistoj aliĝos. Ĉi tiu kotizo havigos al vi baldaŭ 20.000, 30.000 membrojn aŭ eĉ pli Kiam vi havos 200.000 membrojn, vi disponos jam pri 100.000 svisaj frankoj ĉiujare !

*D.:* Kara samideano, ne rapidu tiel. Ni devas kalkuli pri faktoj. Ĝis nun nur 10.000 simplaj membroj estas registreblaj. Por la koncerna sumo oni ne povas funkciigi asocion internacian kaj disponigi servojn, eldoni gazeton aŭ liveri jarlibron. Kun la kresko de la membraro ja ankaŭ plimultiĝas la kostoj.

*E.:* U.E.A. do ne plu donas ion kontraŭ tiu ĉi pago ?

*D.:* Ne por la simpla membreco. Ĝi ja rajtigas pri uzo de la U.E.A.-servaro.

*E.:* Nu, se tio estas ĉio... !

*D.:* Vidu, vi povas aliĝi kiel Membro-aktiva, ekzemple kun livero de la Jarlibro. La Jarlibro estas nepre bezonata de vi por uzi la servojn. Ĝi enhavas la adresaron de la delegitoj de U.E.A. Ĝi indikas al vi la esp. grupojn; ĝi donas al vi informojn pri nia tuta organizo, pri la landaj asocioj, la gazetoj, la faksocietoj, pri la Lingva Komitato, la estraroj, la esp. institutoj, ktp. Vi trovas en ĝi aron da anoncoj, kiuj devas havi vian atenton. Fine ĝi estas speco de enciklopedio kaj per sia enhavo mem ĉiam konsultebla legaĵo. La tuta kosto ne superas enspezon de vi de 1-2 labortagoj.

*E.:* Vi estas prava. Mi preskaŭ decidiĝas sekvi vian inviton. Mi nur demandas min, kiamaniere havi pli intiman kontakton kun la movado.

*D.:* Tre simpla afero ! Fariĝu Membro-Abonanto de nia asocio. Vi havos la samajn rajtojn kiel Membro kun Jarlibro; krom tio vi ricevos regule la organon « Esperanto ».

*E.:* Mi intencis aboni la gazeton, sed oni diris al mi, ke ĝi estas seninteresa, precipe lastatempe.

*D.:* Povas esti, ke ĝi estis kritikinda depost kelka tempo. La novaj gvidantoj de U.E.A. zorgos, ke ĝi de nun kontentigos ĉiujn membrojn. De nun la organo enhavos alterne ĉefartikolon de iu el la ĉefdirektantoj de nia asocio. Ili pritraktos aktualajn problemojn de nia movado. Ili montros la vojon, laŭ kiu ni devas iri. Aliaj artikoloj informos pri la aktiveco de la asocio, pri la agado de la Centra Oficejo, pri la lastaj progresoj de Esperanto. Kaj la orientado estos ĉefe praktika. Ni klopodos, ke la gazeto fariĝos sciigilo pri

ĝeneralaj progresoj de la homaro, pri eltrovoj novaj, pri landoj, kutimoj, moroj, popoloj, lingvoj, a.s.

*E.:* Tre bone, precipe praktikaj aferoj interesas min : priskribo de landoj, turismo, vojaĝoj a.s. Se vi povos aperigi altirajn ilustraĵojn, la gazeto fariĝos tre alloga. Mi ankaŭ ŝatos legi informojn pri ekster-eŭropaj landoj. Eble transmaraj samideanoj kontribuos al la enhavo de l'organo.

*D.:* Nenio estas pli simpla ol tio. Ni plezure akceptas kunlaboron. Ni intencas inviti speciale ekster-eŭropajn kunlaborantojn. Ni reduktos iom la literaturan parton, sed anstataŭos kvanton per kvalito. Nia budĝeto estas ŝparbudĝeto, ĉar nia asocio dumtempe troviĝas en tre malfavora situacio. Ju pli da aktivaj membroj ni havos, des pli rapide ni povos venki la malfacilaĵojn. Por tio ni bezonas la kunhelpon kaj financan subtenon de ĉiu esperantisto, kapabla helpi. Laŭ kresko de la abonantoj ni povas plibonigi la gazeton. Sen monrimedoj, evidente, eĉ la plej inteligenta homo ne povas sukcesi. Kaj fine la tuta kosto dum unu jaro estas ne pli ol enspezo via de 2-3 tagoj. Vi elspezas certan sumon ĉiujare por via propra komforto, por restoracia vizito, por fumado a.s. — ĉu vi povos eĉ rezigni fari egalan elspezon por via interligo kun la homa kulturo ?

*E.:* Sufiĉas, samideano. Vi estas tre elokventa. Vi jam konvinkis min. Mi konfesas, mi ne pensis pri ĉiuj tiuj avantaĝoj kaj utiloj. Oni devus pli ofte informi nin pri ili.

*D.:* Ne diru tion — niaj samideanoj ne sufiĉe atentas pri nia agado. Ni raportas regule pri ĝi. Ni ne nur administras de mateno ĝis vespero, ni faras intensan propagandon. Ni elpensas novajn projektojn, ni certigas pliajn sukcesojn, ni organizas servojn por nia membraro, ni preparas la universalajn kongresojn, ni traktadas kun la registaroj, ni interrilatas kaj kunlaboras kun la landaj asocioj, ni propagandas en landoj, kie nia movado devas enradikiĝi. Alie nia asocio ne havus viv-rajton. Aŭ ĉu vi ŝatus, ke ĝi malaperu ?

*E.:* Ne-imageble ! U.E.A. ne devas malaperi. Ni ĉiuj devas kunhelpi al ĝia sukceso. Mi komprenas tion plene.

*D.:* Aŭskultu amiko, vi eble aliĝos kiel Membro-Abonanto, alia, malpli pagokapabla persono, fariĝos nur aktiva membro kun Jarlibro. Por pli oferema aŭ oferpova samideano ekzistas ebleco, fariĝi Membro-Subtenanto. Krom la membrokarto, la Jarlibro kaj la gazeto ĉiu Membro-Subtenanto rajtas ricevi belegan libro-premion. 400 samideanoj profitis la okazon en 1934. Imagu, se almenaŭ 1.000 imitus la ekzemplon en 1935, kiom ni progresus ? Kaj se samtempe kreskus la nombro de membroj aktivaj (MJ) kaj de Membroj-Abonantoj ? ! Se ĉiu membro plie varbus novan membron ? Tiam U.E.A. atingus nekontesteble la forton, kiun ĝi bezonas por esti vere la centra gvidinstitucio internacia de la Esperanto-Movado. Tiam ĝi povus absolute perfekte plenumi sian taskon, nome servi al sia membraro, fiksi, gvidi, direkti, influi, helpi, interrilatigi, kontroli kaj reprezenti la internacian Esperanto-Movadon.

*E.:* Bonege, bonege. Vi entuziasmigis min. Jen mia kotizo kiel Membro-Subtenanto. Mi promesas al vi, varbi aliajn aktivajn membrojn. Ni devas pligrandigi ĝian nombron, por refortigi la asocion, por progresigi vian seriozan laboradon, por ebligi konstantan agadon kaj fine por sukcesigi Esperanton ! Mi varbos inter miaj amikoj, konatoj kaj en mia grupo, alvokante ilin ĉiujn :

**Fariĝu aktiva membro de U.E.A. !**

---

# ALIĜU KIEL AKTIVA MEMBRO AL U.E.A. POR 1935 !

La Universala Esperanto-Asocio estas la centra gvid-institucio internacia de la Esperanto-Movado. Pli ol 25 jaroj da kontinua laboro por nia lingvo fundamentigas ĝian reputacion. Ĝia ampleksa servaro signifas praktikan agadon pere de Esperanto. Kunhelpo de ĉiuj esperantistoj al ĝia celado ebligos perfektigon de ĝiaj aranĝoj.

# ALIĜU KIEL AKTIVA MEMBRO AL U.E.A. POR 1935 !

## Membrokategorioj

| MJ | MA | MS |
|---|---|---|
| Membro, ricevanta membrokarton kaj la jarlibron de U.E.A. | Membro, ricevanta krom membrokarto kaj jarlibro la organon " Esperanto " | Membro-Subtenanto, ricevanta membrokarton, jarlibron, la organon " Esperanto " krom tio valoran libropremion. |
| **Normkotizo : sv. Frk 5.—** | **sv. Frk. 12.50** | **sv. Frk. 25.—** |

*Por la favor-prezoj, validaj por via lando, informas la ĉi-kuna aliĝilo. Pri pliaj detaloj turnu vin al via landa asocio, la ĉefdelegito de U.E.A., aŭ, se tiaj ne ekzistas, rekte al la* **Centra Oficejo de U.E.A., 1 Tour de l'Ile, Genève.**

**Fru-pago de kotizo estas honor-devo de ĉiu interesita esperantisto.**

PREMIO DE VARBADO

*Por ĉiu nov-varbita membro, la varbinto ricevos rekompencon en formo de libropremio, tuj sendata de la Centra Oficejo de U.E.A.*

## LISTO DE PREMIOJ POR MEMBRO-SUBTENANTOJ 1935

*Ĉiu MS rajtas ricevi unu el la sekvantaj premioj, mendotaj laŭ la koncerna numero.*

**1** *D-ro L. L. Zamenhof: Originala verkaro.* Antaŭparolo — gazetartikoloj. — Traktajoj. — Paroladoj. — Leteroj. — Poemoj. — Kolektitaj kaj ordigitaj de D-ro Dietterle. Eldonaĵo de firmo Hirt & Sohn, Leipzig. 604 paĝoj, 15 × 22,5 cm., luksa volumo, ornamo de ĉiu biblioteko, riĉa fonto de esploro pri pensoj de l'kreinto de Esperanto.

**2** *Bibliografio de Internacia lingvo.* Plej granda kaj ampleksa dokumento pri la scienco de la internacia lingvo kun grafikoj, skemoj, portretoj. Citas 7.000 verkojn de 2.000 aŭtoroj pri la problemo de la internacia lingvo, por kaj kontraŭ la diversaj sistemoj de lingvoj internaciaj. 560 grand-formataj paĝoj. Por subtenantoj de UEA speciale bindita.

**3** *E. Drezen: Historio de la Mondolingvo.* Tri jarcentoj da serĉado. El rusa lingvo tradukis Hohlov kaj Nekrasov. 17 × 26 cm., 240 paĝoj, kun multaj bildoj kaj grafikoj. La plej kompleta verko pri la temo de l'mondlingvo, en mallongaj ĉapitroj, tre taŭga por rapida serĉado por dokumentado.

*E. Drezen: Analiza historio de Esperanto-Movado.* (Kvazaŭ kompletigo de la unua ĝenerala verko.) 14,5 × 22 cm., 96 paĝoj.

**4** *Hungara Antologio,* belega libro 452 paĝa, monumenta verko, ornamo de ĉiu biblioteko. — Plie unu ekzempleron de Madàch : « Tragedio de l'homo », ĉefverko el Hungara Literaturo.

**5** *Kolekto de Teknikaj Vortaroj.* 1) Rousseau « Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio », 288 pĝ. granda formato. 2) Kreuz kaj Mazzolini « Komerca Vortaro » 3) Ginz : Radio-Vortaro Kvinlingva. 4) D-ro Kamaryt : « Filozofia Vortaro ».

**6** *Yoshi H. Ishiguro: Praktika gvido de la Korespondo en Esperanto.* 20 × 13 cm., 310 p. Fortika bindado. — Kvankam por japanlingvanoj, tiu ĉi libro estas unika objekto por esp. libro-amanto. Multaj ilustraĵoj kaj esp. teksto.

**7** Kolekto de verkoj de *Raymond Schwartz,* konsistanta el kvar volumoj : *Verdkata Testamento* (124 pĝ). — *Proza Ridetanta* (172 pĝ). — *Anni kaj Montmartre* (126 pĝ). *La Stranga Butiko* (124 pĝ). Kune 546 paĝoj de plej humora teksto.

**8** *Zamenhof premio,* konsistanta el klasikaj verkoj de l'kreinto de Esperanto : 1) Fundamenta Krestomatio (460 p.) ; 2) Lingvaj respondoj (92 p.) ; 3) Proverbaro Esperanta (82 p.) ; 4) Internacia Fundamento de Esperanto (48 p.). Kune 682 paĝoj da teksto.

**9** *Eugen Wüster: Enciklopedia Vortaro Esperanta — Germana.* 16,5 × 24 cm., 140 paĝoj. Eldonaĵo de Firmo Ferd. Hirt & Sohn. Leipzig. Aperis ĝis nun kvar partoj.

Oni rajtas elekti *unu* parton, egale kiun, laŭdezire. Tiu ĉi verko restos por ĉiam premio de MS, tiel ke oni preskaŭ povas aboni al ĝi per la regula aliĝo de Subtenanto. La komerca prezo de unu parto estas 17,50 sv. Frk. Eksterordinara premio.

**10** *Humorprovizo — por la krizo !* Kolekto de nefunebraj libroj : 1) Gaja lernolibro de Esperanto ; 2) Gajaj vesperoj (Walter) ; 3) Rumana Bonhumoro (Firu kaj Pragano) ; 4) Miraklaj Aventuroj de Sinjoro Longkrurulo (Uitterdijk) ; 5) Bonhumoro, de Paul Nyssens. — Kune 5 verkoj kun 600 paĝoj da teksto.

**11** *Giovanni Papini: Historio de Kristo,* 575 paĝoj, 12 × 18 cm. Verko tradukita en 22 lingvojn.

**12** *Kataluna Antologio.* Verko rekompencita de la Esperantista Akademio. Kompilita kaj plejparte tradukita de Jaume Grau Casas L. K. Dua eldono. Bela preso, luksa papero, ornamo por ĉiu biblioteko. Pli ol 400 paĝoj da teksto. 22 × 16 cm.

**13** *Dante Alighieri: Divina Comedia.* Unua parto : *Infero.* Majstra traduko de Kalocsay. Broŝurita eldono. Presita sur senligna papero, formato de Hungara Antologio, 320 paĝa, kun 14 majstraj ilustraĵoj de Deziderio Fay, kun dukolora ŝirmkovrilo. Plie : 1 ekz. Madàch : Tragedio de l'homo.

**14** *Belga Antologio* (Flandra parto) — *Bulgara antologio* kaj *Litova Almanako.*

**15** *Julio Baghy:* Ses volumoj el lia verkaro : *Hura.* — *Viktimoj.* — *Pilgrimo.* — *Preter la vivo.* —*La Vagabondo kantas.* — *Verdaj Donkiĥotoj.* — 150 paĝoj da teksto.

**16** *Kataluna Antologio.* — *Belga Antologio (Franca Parto).* Ambaŭ libroj kune 680 paĝoj da teksto broŝuritaj.

**17** *Tra Sovaĝa Kamĉatko.* De Sten Bergman, traduko de Birger Gerdman. Interesa priskribo de esplorvojaĝo al Kamĉatko. 276 pĝ., riĉe ilustritaj, bindita. — *Kas. Smogorzewski: Pol-Pomeranio.* Trad. S. Grenkamp-Kornfeld. 17 × 25,5 cm., 132 paĝoj. La verko priskribas la polan vidpunkton en la afero de la tielnomata koridoro kaj la provinco Pomeranio.

**18** *De Kongreso al Kongreso.* Jubilea Libro eldonita okaze de la 25 Universala Kongreso de Esperanto, Köln 1933. — *(Kalejdoskopa rigardo al la Kongresoj. Arĝenta kovrilo, klara preso, arteca aranĝo.* 25 bildoj, 78 paĝoj, 21 × 14 cm.) — *Selma Lagerlöf: La mono de Sinjoro Arne.* El la sveda lingvo tradukis : Stellan Engholm. 110 paĝoj. 14 × 20 cm. — *Kas. Smogorzewski: Pol-Pomeranio.* Trad. S. Grenkamp-Kornfeld. 17 × 25,5 cm., 132 paĝoj. La verko priskribas la polan vidpunkton en la afero de la tielnomata koridoro kaj la provinco Pomeranio.

# La Servaro de la Universala Esperanto-Asocio

Unu el la taskoj de UEA estas servi al la samideanoj laŭ sistemo reciproka. Plej uzata estas la servado de l'Delegitoj, informpetoj pri ĉiuj eblaj aferoj, helpo dum vojaĝo k.t.p., fiksitaj en la statuto.

Krom tiu ĉi Servo de Informpetoj ekzistas aliaj servoj, pri kiuj aperas sciigoj de tempo al tempo.

## Bibliografia Servo

La Biblioteko de UEA estas la plej kompleta pri Esperanto kaj la internacia lingvo.

La Bibliografia Servo de UEA estas al la dispono de ĉiu interesito, deziranta informon pri verko en Esperanto aŭ verkoj ĝeneralaj pri la problemo de internacia lingvo. Ĉiu informo estas donata kontraŭ nura repago, sed sen garantio. Specialaj laboroj bibliografiaj estas fareblaj laŭ interkonsento pri honorario.

La monumenta ilustrita 560-paĝa verko « Bibliografio de Internacia Lingvo » estas mendebla ĉe la Bibliografia Servo. Prezo sv. Frk. 12,50, bindite 15 sv. Frk.

La Biblioteko de UEA interesiĝas pri ĉio koncerne al aĉetoj aŭ interŝanĝo nur post antaŭa oferto.

## Ekspozicia Servo

Por helpi al niaj propagandistoj, la Ekspozicia Servo de UEA liveras kolekton de utilaj dokumentoj :

1. Kolekton de 70 periodaĵoj Esperantaj, nuntempe aperantaj.

2. Kelkajn sciencajn aŭ politikajn librojn : Sendanĝereco de Francujo ; Devoj de l'homo ; Nova Testamento, k.a.

3. Kolekton de ĉ. 50 gvidfolioj kaj gvidlibroj ; kvanto da praktikaj prospektoj en Esperanto.

4. Kolekton da foiraĵoj, bela kaj riĉa kolekto de reklamiloj de l'internaciaj, uzantaj Esperanton, foiroj.

5. Diversajn presaĵojn : Komercaj prospektoj kaj afiŝoj ; Raportoj de konferencoj, Ligo de Nacioj, ktp. Poŝtkartoj de USSR kun Esperanto-teksto ; Zamenhofa poŝtmarko. Serio de poŝtkartoj de Liĥtenstejno kaj Hungarujo ; serio de sigelmarkoj en sep lingvoj. Serio de ŝlosiloj de Esperanto, eldonitaj sub aŭspicioj de UEA, en 25 lingvoj.

6. Kolekton de Jarlibroj de UEA de 1927, 1928, 1929, 1930, 1931 — Ekzempleron de la Oficiala Dokumentaro (Kongresprotokolo pri la Univers. Kongresoj kaj Raportoj al ili). Tre riĉa kaj aŭtentika materialo pri la jaroj 1928, 1929, 1930, 1931, 1932, 1933. Ekzempleron de la *Historia skizo* de UEA ; kun multal bildoj. 120 paĝoj. UEA en la juĝo de la Esperantistoj.

*Kosto de pakaĵo (pezo ĉ. 9 kg) afrankite 25 svis. Frk (por Svislando : 20 Frk.)*

## Gazetabona Servo

Tiu ĉi servo estas starigita por faciligi la abonon al periodaĵo esperantista. Ĝi akceptas peri la mendon de abono al ĉiu Esperanto-gazeto.

Mendoj estas direktotaj al la Centra Oficejo.

## Libroservo de UEA

La Libro-Servo de UEA havigas facile kaj plej rapide, je originala prezo, ĉiujn Esperanto-verkojn.

Petu la specialan katalogon.

Liverkondiĉoj :

Antaŭpago kun la mendo per poŝtmandato, poŝtĉeka ĝiro, en baknotoj aŭ ĉeko, en respondkuponoj poŝtaj aŭ de UEA.

Afranko aldonota.

En Svislando ankaŭ kontraŭ poŝtrepago.

La Libroservo ne liveras kredite kaj ankaŭ ne malfermas kontojn al mendantoj.

## Komerca Servo

Insignoj de UEA-Ŝildoj kaj ŝildetoj por delegitoj—Leterpapero kun UEA insigno — Gramofon-Diskoj en Esperanto — Poŝtranĉilo kun esp. emblemo — Horloĝo Esperantista (Svisa fabrikaĵo).

Petu oferton kaj atentu la anoncojn en " Esperanto ».

## Servo de Respondkuponoj

La respondkuponoj de UEA ekzistas en tri valoroj : 0,30 — 0,50 — kaj 1,— Franko (svisa valoro)

La respondkuponoj cirkulas por tri jaroj (la tria serio de 1932-1935) kaj estas reakceptataj ĝis tiu ĉi dato de la Centra Kaso de UEA kaj de la Ĉefdelegitoj. Ili estas vendaj po serio, kiu konsistas el dek pagiloj de ,030, ses de 0,50 kaj tri je 1,— Franko, sume 9.— Frk. Vendprezo 10 Frk.

Estas ankaŭ aĉeteblaj kuponoj nur je valoro de 0,30 Frk. Minimumo 10 kuponoj por 0,30 Frk. Vendoprezo 3,50 sv. Frk.

Krom la ordinara uzo por pagi la afrankon okaze de servopeto, la respondkupono de UEA tre taŭgas por pagi enletere malgrandajn sumojn, kies sendo per internacia poŝtmandato ne estas praktika. La respondkupono de UEA povas cirkuladi ĝis limtago. Ĝi ne senvaloriĝas ĉe unua pago.

Revoko de valideco okazas decatempe. Ĉe apero de nova serio kuponoj de la lasta eldono estas ŝanĝeblaj kontraŭ tiaj de la nova serio.

La respondkupono de UEA estas privata interesperantista pagilo kaj ne ŝanĝebla ĉe la poŝto.

## Reklama Servo

La Reklama Servo de UEA estas je la dispono de komercaj entreprenoj, korporacioj, turismaj kaj aliaj institucioj, kiuj deziras kontaktiĝi kun la Esperantista publiko,

# La Servaro de la Universala Esperanto-Asocio

1. *Livero de adresmaterialo*

a) *Adresaro de la Delegitoj,* adresoj presitaj sur bendoj perforitaj, sen gluo.

b) *Adresaro* de l'membraro, adresoj, presitaj sur bendoj perforitaj, sen gluo.

Livero okazas laŭlande.
Oni povas ankaŭ ricevi adresojn de certaj landoj.
Adresoj sur kovertoj je pli alta tarifo.
Prezo po milo laŭ aparta oferto.

2. *Dissendo pere de « Esperanto ».*

a) *Reklamfolio* liverota de l'mendanta firmo. La pezo ne superu kvin gramojn. 10.000 Ekzempleroj, liverotaj afrankite kaj doganlibere al la ekspedejo de la gazeto Tuta kosto sv. fr. 300.—

b) *Reklamfolio* laŭ grando kaj tipografia aspekto de l'revuo « Esperanto », unuflanke aŭ duflanke je propra produktokosto.

c) *Bulteno,* kvarpaĝa, modelo laŭ « Esperanto ».

3. *Dissendo kun la Jarlibro de UEA.*

a) *Aldonoj liverotaj afrankite kaj doganlibere al la ekspedejo,* (Atentu pri formato konsiderota).

b) Aldonoj, liverotaj de UEA, je propra produktokosto.

La Reklama servo de UEA, tradukas gvidfoliojn, gvidlibrojn, komercajn reklamilojn, turismajn prospektojn en Esperanton kontraŭ modera honorario. Perfekta traduko, precipe de fakaj aŭ teknikaj tekstoj garantiata.

La Reklama servo de UEA prilaboras projektojn de efikaj reklamiloj modernaj en Esperanto.

Petu detalan oferton pri la supraj laboroj kun indiko de la reklamcelo.

**Propaganda Servo**

Moderna propagandilo ilustrita.
*Al la Mondtrafiko Mondlingvon !*
Eldonoj en naciaj lingvoj.

En germana lingvo : 100 ekz. 2.— Gmk. aŭ 2,50 sv. Frk. — 1.000 okz. 15 Gmk. aŭ 20 Frk. sv.

**Dem Weltverkehr eine Weltsprache!**

En ĉeĥa lingvo : 100 ekz. 20 Kč. 1.000 ekz. 150 Kč.

**Jeden jazyk pro celý svět!**

En finlanda lingvo :

**Tekniikka lyhentää matkat Yhteiskieli lähentää kansat**

100 ekz. 4 Fmk. aŭ 2,50 sv. frk. 1.000 ekz. 28 Fmk., aŭ 17.— sv. Frk.

En franca lingvo :

**pour se faire comprendre dans le monde entier**

100 ekz. 10 fr. Fr. aŭ 2 sv. Frk. 1.000 ekz. 80 fr. Fr. aŭ 16 sv. Frk. Elĉerpita, sed represata post nelonge.

En hungara lingvo :

**Világnyelvet a világforgalomnak !**

100 ekz. 2 pengoj ; 1.000 ekz. 15 peng.

En kataluna lingvo :

**Per a les relacions internacionals Una llengua internacional !**

100 ekz. 5 pes. 1.000 ekz. 40 pes.

En portugala lingvo :

**Pelo Português Pelo Esperanto**

100 ekz. 5.— Eks. — 1.000 ekz. 40 Esk.

Mendebla ĉe la Centra Oficejo aŭ en Ĉeĥoslovakio : Universala Esperanto-Asocio, Teritoria Oficejo, Hradec-Kralové 628-a.

en Katalunujo :

S-ro Ferd. Montserrat del UEA Provenca 75, 2on, 3a. Barcelona.

en Portugalujo :

S-ro Jorge de Saldanha Carreira, ĉefdelegito de UEA, Ave. Duque de Loulé 50-III, Lisboa.

en Hungarujo :

S-ro Paŭlo Balkanyi, ĉefdelegito de UEA, Budapest 507.

**Turisma Servo**

La Turisma Servo de UEA estas absolute praktika branĉo sur komerca bazo.

En kunlaboro kun aliaj esperanto-institucioj aŭ privat-entreprenoj

*ĝi organizas karavanojn*
al la universalaj kaj la naciaj kongresoj de Esperanto,
*ĝi aranĝas Somer-ekskursojn*
al interesaj regionoj,
*ĝi peradas partoprenon al Vintrosport-aranĝoj,*
*ĝi zorgas pri Feri-restado*
po-grupe aŭ individue
*laŭ alloga programo,*
*sub spertâ gvidado*
*je favoraj kondiĉoj.*

Vojaĝemuloj kaj organizantoj de vojaĝoj konigu siajn intencojn por interkonsiliĝo al la Turisma Servo de UEA.

(ARABA) (الثمن ٢٠ مليما)

مفتاح الاسبرانتو



(Germana) Preis : 10 Pfg

Esperanto - Schlüssel

(Norvega) Pris 20 øre.

NØKKEL TIL ESPERANTO

(Estona) Hind : 10 senti.

Esperanto võti

(Angla) Price One Penny.

A Key to Esperanto

(Rumana) Pretul 5 lei.

CHEIA LIMBEI ESPERANTO

(Italia) Prezzo 30 Cent.

Chiave dell'Esperanto

(Japana) Prezo 5 senoj

エスペラントの鍵

(Pola) Cena 50 gr.

Klucz do Esperanto

(Sveda) Pris 10 öre,

NICKEL TILL ESPERANTO

(Ukraina) Ціна 35 сот.

КЛЮЧ ДО ЕСПЕРАНТА

(Litova) Kaina 50 centų.

Esperanto raktas

(Hispana)

CLAVE DE ESPERANTO

(Flandra.) Prijs : 50 centiem.

ESPERANTO-SLEUTEL

(Romanĉa) Predsch 20 cts.

CLEV DA L'ESPERANTO

Kroata (serb-kroata) Cijenas 2 Din.

Ključ Esperanta

**La Ŝlosilo**

**de**

**Esperanto**

(laŭ normo de UEA)

la plej

detala, kompleta kaj

aktuala propagandilo

la plej

praktika helpilo en la

internacia korespondo.

Havebla de la

LIBROSERVO DE UEA

Eldonoj baldaŭ aperontaj :

(Hindustana/Hinda)

KHALID I ESPERANTO

(Sudafrika) Prys : 2 pennies

Sleutel vir Esperanto

(Turka)

Esperanto-anahtari

(Baska)

Esperanto-Giltza

(Suahila)

Ufungo wa Esperanto

(Evea)

ESPERANTO - SAFUI

(Malgaŝa)

Fanalahidin' ny Esperanto

(Anama)

Thià khoà tiêng

*ESPERANTO*

(Kataluna)

Clau Esperanto

(Juda). פרייז: 35 גר. (0,20 שוו. פר.)

עספעראנטא-שליסל.



(Franca) 25 cent.

Clef Esperanto

(Islanda) Verð 35 aurar.

ESPERANTÓ - LYKILL

(Latva) Cena 15 sant.

Esperanto atslēga

(Portugala) Preço : 1,50 Esk.

Chave do Esperanto

*(Bulgara)* *Цена 5 лв.*

*Ключъ Есперанто*

(Slovena) Cena 3 Din.

Ključ za Esperanto

(Hungara) Ara 20 fillér.

Eszperantó-kulcs

(Persa) قیمت : ۱۳ شاهی

کلید اسپرانتو

(Albana) 15 Qind.

Çelsi i gjuhës Esperanto

Serba (serb-kroata) Цена Дин. 2·—

Кључ Есперанта

(Slovaka) Cena 1· — Kč

KĽÚČ JAZYKA ESPERANTO

(Malaja) Harga 10 Cent.

KOENTJI ESPERANTO

(Nederlanda) Prijs 7· ct.

ESPERANTO-SLEUTEL

## KORESPONDU INTERNACIE

Ĉiuj tri vortoj kostas Svs. Frk. —,30 (= 1 respondkupono). La nombro da vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la malsupre indikitaj mallongigoj valoras unu vorton.

*Abonantoj rajtas unufoje en la jaro publikigi en "ESPERANTO" senpage anonceton pri korespondado, enhavantan ĝis 10 vortoj. Pluaj vortoj estas pagotaj laŭ la supra tarifo.*

La anoncintoj havas la moralan devon respondi almenaŭ unu fojon al ĉiu sekve de la anonco ricevita korespondaĵo.

*Mallongigoj:*

| | | |
|---|---|---|
| *bfl.*: poŝtmarko sur la bildflanko. | *intŝ.*: interŝanĝo. | *PI*: poŝtkarto ilustrita. |
| *c.r.*: certe respondos. | *k.ĉ.l.*: kun ĉiuj landoj. | *PK*: poŝtkarto. |
| *dez.*: deziras. | *kor.*: korespondi. | *PM*: poŝtmarko. |
| *f-ino*: fraŭlino. | *L.*: Letero. | *s-ino*: sinjorino. |
| *gaz.*: gazeto. | *p.ĉ.t.*: pri ĉiu temo. | *sro*: sinjoro. |

---

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95 (Box H. & P.) nur PM. Malrespondas bagatelojn.

*Barreiro* (Portugal). — S-ro José Antonio Pereira de Azenha, Oficinas Gerais, L., PI., pri ĉiu temo. C.r.

*Budapest* (Hungarujo). — S-ro Stefano Turchanyi, dramaturglektoro de l'hungara radio, VIII., Sandor-u. 7, Studio, deziras korespondi kun la tuta mondo. Honeste k nepre respondos al ĉiuj.

*Catarroja* (Valencia-Hispanuĵo). — S-ro Daniel Munoz, carrer Rob. Castrovido 8, kun ĉiulandaj f-inoj nur PI., c.r.

*Cuiaba* (Brazilo, Mato-Grosso). — S-ro Manoel Miraglia, Caíxa 43, PM., PI., L.

*Don* (Nord, Francujo). — F-ino A. Lesaffre, Soc. des Agglomérés de Don, L.PI. pri iu ajn temo. Interŝanĝos PM., skarabojn kaj papiliojn por kolekto. K.ĉ.l. ; c.r.

*Doncaster* (Yorkshire, Britujo). — S-ro John Farrand, 22 Buckingham Road, deziras interŝanĝi Esp. librojn. Malrespondas bagatelojn.

*Houston* (Usono, Texas). — Houston Esp. Klubo, 2620 Wheeler. Deziras ekspoziciajojn kaj gekorespondantojn PI., L., k.ĉ.l., c.r.

*Lodz* (Polujo). — S-ro Szymon Fajerman, Poludniowa 90, oficisto, 23 jara fraŭlo, L., PI., c.r.

*Masjid-i-Sulaiman* (Persujo). — S-ro H. Taher Zadeh, A.P.O.C., P.M. prefera laŭ serio k.ĉ.l. Ne sendas unue.

*Masjid-i-Sulaiman* (Persujo). — S-ro L. J. Arzoo, A.P.O.C., PK. I, P.M., k.ĉ.l. C.r.

*Moita do Ribatejo* (Portugal). — S-ro Aŭgusto Antonio do Nascimento, L., PI., k.ĉ.l. C.r.

*Monte Aprazivel* (Brazilo, Sao Paulo). — S-ro Constant. Carvalho, PI.

*Morancé-Chazay* (Francujo, Rhône). — S-ro Chaufray, L., PI., PM., ktp. kun Azio, Afriko, Ameriko, Oceanio. Ĉiam respondas.

*Paso de los Toros* (Urugvajo). — S-ro Chela de Oliveiras. PM., k.ĉ.l.

*Pirapora* (Brazilo, Minas). — S-ro Inacio Matos Quinaud, PI.

*Potŝtejn* (Ĉeĥoslovakujo). — Inĝ. Leopold Berger kolektas adresojn por sia « BES-Adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj ». — Skribu tre legeble la adreson !

*Rio de Janeiro* (Brazilo). — S-ro Mario Braga, R. Ouvidor 15-2-0, PI.

*Sao Paulo* (Brazilo). — S-ro Oniro Tsak, Poŝtkesto 2340, PI., k.ĉ.l.

*Prisbyslav nad Sazavou* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro J. Puza PM, PI amatorajn fotojn koresp. esp. germ. france kĉl. C. r.

*Sopron* (Hungarlando). — S-ro Viktor Wesely Gy. S.E.V. postafiok 104 PM. k.ĉ.l. C.r.

*Valladolid* (Hispanujo). — S-ro Antonio J. Gil, str. Nueva de la Estacion, deziras korespondi kun UEA- anojĵunaj en franca kaj angla lingvoj, reciproke klarigos hispanan.

*Wesermünde-Lehe* (Germanujo). — S-ro Robert Stoffers Debstedter Weg 139 18 jara natur- kaj liberecama ateisto serĉas korespondanton junan aŭ — inon kun samaj preferoj.

*Catarroja* (Valencia, Hispanujo). — S-ro A. P. C., carrer Majtor 13, nur kun f-inoj el Parizo, Romo kaj Japanujo.

*Frankfurt am Main* (Germanujo). — S-ro C. Hildebrandt, PM., ne sendas unue.

*Gherla* (Rumanujo). — S-ro Adalberto Baboŝ, prof., Str. Fierarilor 5, PI., L., k.ĉ.l., prefere kun Grekoj kaj Sud-Amerikanoj.

*Montevideo* (Uruguay). — S-ro José Pisón, Capurro 757, PK., PI., kaj ilustritaj revuoj, k.ĉ.l., c.r.

*Pavana* (Pistoia, Italujo). — S-ro Corrado Cerri, instruisto de unuagrada lernejo, kun samprofesian(in)oj pri ĉiuj lernejaj aferoj. Skribu fermiletere, afranku filatelie.

*Pestszentlörincz*, Nagyvárad-u. 34, apud Budapest (Hungarujo). — S-ro Akos Haluska, PM., laŭ katalogo, unue ne sendas, respondas al ĉiu letero.

*Portalegre* (Portugalo). — S-ro Jorge Curvelo, rua dos Mexes, 5, L., k.ĉ.l., c.r.

*Praha II* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Harry Khel, Gutenberguv dum Krakovsska 13, L., PK., PM., Fotoj, k.ĉ.l., c.r.

*Porto* (Portugalujo). — S-ro Diniz Cupertino, 284 R. Aval de Cima, L., PI., k.ĉ.l., c.r.

*Stretford* (Manchester, Britujo). — Stretford-aj Esperantistoj petas poŝtkartojn el ĉiuj landoj, ĉu okcidentaj ĉu orientaj. Respondo promesita al ĉiu. Skribu al S-ro B. McGrath, 10 Vernon Avenue, Stretford, Manchester, Britujo.

*Tarnow* (Polujo) — F-ino Irena Traumowna, D de UEA, ul Towarowa 338, PM, 100 pecojn kontraŭ 100 aŭ laŭ Michel, Ivert. Precipe kun malproksimaj eŭropaj kaj transmaraj landoj. Ne sendas unue. C.r.

*Utrecht* (Nederlando). — S-ro E. T. Nannega, Twijnstraat 15 bis, sendas kontraŭ 100 aŭ malpli da diversaj poŝtmarkoj de iu anj neeŭropa lando, egalan kvanton da Nederlandaj. Laŭ dezire mi ankaŭ sendas po unu PI kontraŭ 10 diversaj PM.

*Valga* (Estonio). — S-ro J. Lõhmus, Võru mnt 10, PM kun ĉiuj landoj, nur kun seriozuloj, ne sendas unue.

*Venlo* (Nederlando). — S-ro Pierre Pypers, Retraitelaan 23, PM., laŭ Ivert 1935.

---

## Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*Alumetskatoletojn* kolektas s-ro J. Koning, Heerebinnensingel 3, *Groningen* (Nederland). — Volonte resendos nederlandajn PM aŭ PI.

*BES-Adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj.* — Nova jam 11-a eldono de tiu ĉi unika por ĉiu E-isto bezonega helpilo enhavas pli ol 1.000 adresojn kaj preskaŭ 100 portretojn el pli ol 40 landoj. Detala registro de aliĝintoj laŭ profesio inklinoj kaj fakoj. Prezo — kiel kutime — nur 1 Fsv. Eldonas : BES (Boh. E-Servo) Potŝtejn Ĉeĥosl. — Aliĝoj por la 12-a eld. estas jam akceptataj kaj ĉiu 10-a aliĝonto estos premiita ! — Pri ĉio detale informas 14-paĝa prospekto ilustrita. — Postulu ĝin !

*Ĉiam ni interparolas* en Esperanto. Se vi deziras ekzerci la lingvon praktike libertempu en la Internacia Hejmo Esperantista *Aspremont* (A.M.) Franclando. Petu prospekton kaj programon de ekskursoj.

« *D-ro Esperanto* », lernolibro, unua eldono por Poloj 1887 mi vendas por 10 dolaroj ; bone konservita kun tutaj gramatiko kaj vortaro sur ununura folio ; 20 % al vendo-peranto. D de UEA s-ino Erna Zimand, str. Slowackiego 28, *Kolomyja*, Polujo.

*Herboj medicinaj* de urugvaja floraro por alilandaj herboj deziras interŝanĝi en serioza negoco. S-ro Francisco Garcia, Stro. Yaguarón, 1399-Montevideo. Uruguay.

*Interŝanĝo.* — Mi bezonas diverslingvajn Esperanto Vortarojn kiujn mi interŝanĝas kontraŭ esperanto-eldonaĵoj sovetiaj aŭ de Ekrelo aŭ kontraŭ belilustrita revuo « USSR dum konstruo, en angla franca germana kaj rusa lingvoj aŭ PI PM sovetiaj. Sendu proponojn al Vjaĉeslav Vasiljeviĉ Kalaŝnikov *Sebastopol-Centro*, ul. Karla Marksa 16 kv. 10 (U.S.S.R. Krimeo).

*Portugala memoraĵo* estas sendata al ĉiu kiu salutos aŭ gratulos la Esperanto-sekcion de Touring Club de Portugal Expoziçáo Colonial Portuguesa, *Porto*.

*Propagandvesperon* aranĝos la 10-an de Oktobro la novfondita klubo esp. « La Tagiĝo », kiu petas sendi el ĉiuj landoj poŝtkartojn, leterojn, gazetojn ktp. Certa respondo. Adreso : Box 2646, *Hofors*, Svedujo.

*Atentu filatelistoj !* — Sendu al mi tutajn seriojn de jubileaj aŭ aerpoŝtmarkojn kaj mi sendos al vi novajn Esperanto-librojn, Postulu oferton de S-ro Oskar Wilde, Neissegasse 10, *Gablonz a-N*, Ĉeĥoslovakio.

*Esperantaĵojn* (librojn, jurnalojn, gazetojn, poŝtkartojn, glumarkojn, insignojn k.a.) sendu grandnombre por ekspozicioj. De ĉi-tie ne estas eble aboni tion, do via helpo estos venko por nia kara lingvo. Ĉion sendu al : S-ro A. P. Drosdov, Poĉtamt, Poste-Restante, *Taschkent*, Centra Azio, U.S.S.R.

*Meadville* (Pa., U.S.A.). — S-ino Genevieve Musbruch ; L., PI., pri arto. Interŝanĝo de komerc-artaĵoj.

*Utrecht* (Nederlando). — S-ro E. T. Nannenga, Twijnstraat 15 bis, sendas kontraŭ 100 aŭ malpli da diversaj poŝtmarkoj de iu ajn ne-eŭropa lando, egalan kvanton da Nederlandaj. Laŭ dezire mi ankaŭ sendas po unu PI kontraŭ 10 diversaj PM.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

---

S-ro D-ro Heinrich Orthal, Honora Membro kaj iama Delegito en Nürnberg, 19 Julio 1934. D-ro Orthal partoprenis UEA jam tre frue kaj speciale laboris dum la milito pri helpo al civilkaptitoj en eksterlando kaj faris multe da bono al samlandanoj. Dum la 15-a kongreso en Nürnberg li multe kunhelpis. Lian ĉiaman servemon la Komitato de UEA honoris per la elekto kiel Honora Membro en Kolonjo 1933.

S-ro A. J. Witteryck, 3-an de julio 1934 en Assebrouck, (Bruĝo) 69-jara. Unu el la plej malnovaj belgaj esperantistoj, la plej malnova en Bruĝo. Tre fervora pioniro de la unua periodo, tradukis en flandran lingvon « L'Esperanto en dix leçons » de Cart kaj Pagnier, gvidis multajn kursojn antaŭ la mondmilito, verkis kaj eldonis diversajn lernolibrojn kaj legolibrojn, fondis en 1902 Bruĝan Grupon Esperantistan, nun Reĝa Societo. Estis dua Prezidanto de Belga Ligo Esperantista, Lingva Komitatano dum multaj jaroj, Prezidanto pro Honoro de Belga Ligo Esperantista de 1927 kaj Honora Prezidanto de Bruĝa Grupo Esperantista de 1920. De longe malsana, li restis fidela, la belgaj esperantistoj emocie memoras pri lia etika laboro, lia sindonemo, lia pacama karaktero. Multaj gesamideanoj ĉeestis lian enterigon. Ĉe la tombejo, S-ro L. Cogen, en la nomo de Belga Ligo Esperantista, kaj F-ino Yvonne Thooris en la nomo de Bruĝa Grupo Esperantista diris al li lastan adiaŭon en la lingvo, kiun li tiom amis, Esperanto. Flago kliniĝis sur la tombo kaj multaj floroj kovris ĝin.



S-ro Marcel Levy, Delegito en Saint-Dié, Francujo, malnova fidela amiko de UEA, 10 Junio 1934.

F-ino Gala Petrova, 20 jara ĉarma knabino, fervora esperantistino, Moskvo, 8 Marto 1934. Lernis la lingvon jam kiel infano, verkis poemojn, tradukis, instruis. Al funebrantaj gepatroj sinceran kunsenton.

S-ro Anton Muller, VD de UEA en Plovdiv Bulgarujo, 2 Julio 1934, 80 jara. Konatiĝis kun Esperanto antaŭ sep jaroj, kaj spite de l'aĝo fariĝis fervora samideano, maljuna sed junkora. Ĉe enterigo Penko Stoev, D de UEA konvene diris lastan adiaŭon esperantistan.

S-ro Petro Thurzo, ŝtata ĉefadministranto, pens., Delegito de UEA. Godöllö, 7 Julio 1934. Malnova pioniro de E., en Szeged redaktis periodajon « Hungara Esperantisto » dum 6 jaroj.

S-ro Arno Hoppenz, Ano de UEA, n-ro 35184 en Forst i. L., German. (laŭ reveno de jarlibro 1934, kun mencio : Verstorben).

La familio Zamenhofa malpliiĝas. La 23-an de junio 1934 ĉesis bati la koro de nobla homo, *S-ro Henriko Hermelin, Warszawa*, bofrato de la Majstro. Kun li formalaperis unu el la plej malnovaj samideanoj kaj fidelaj amikoj de D-ro L. L. Zamenhof. Estu la tero al li malpeza.

S-ro Karol Mikosz, instruisto, membro n-ro 16925, Tarnobrzeg, Polujo. (Laŭ reveno de gazeto kaj jarlibro kun mencio : « Adresito ne vivas »).

F-ino Frances M. Fernald, membrino 37443, Washington, Usono, Julio 1934.

S-ino Gray, edzino de William Gray, delegito de U.E.A., en Leongatha, Aŭstralio, okaze de nasko de sana, vivanta filineto.

S-ro L. Botolelahy, eks-guberniestro, 12.4.34., patro de Gervais Botolelahy, delegito de U.E.A. en Vohipeno (Madagaskaro).

S-ino Marija Kezele, membrino de U.E.A. kaj edzino de delegito Josip Kezele, 26.10.1934, post longa malsano, Delnice, Jugoslavio.

S-ino Martina G. Kramers, Delegitino de U.E.A., 15.10.34, 71 jara, en Apeldoorn, Nederlando. Finiĝis laborriĉa vivo. Dum antaŭaj jaroj ŝi multe faris por la virina movado. La lastajn jarojn ŝi vigle partoprenis en nia movado kaj propagandis senlace ĉie kaj ĉiam niajn idealojn. Speciale la esperantistoj en Apeldoorn sentos la foreston de ŝiu afabla kaj helpopreta persono.

S-ino Romagosa, patrino de Membro-Abonanto S-ro Jaime Romagosa, en Bern.

S-ro Alfred Trotin, Delegito de U.E.A., 67 jara, en Lille, Francujo, 29.10.1934.

S-ro Thure Ohlsson, MA 33609, Orebro, Svedlando.

S-ro Arthur Bowker, malnova MS de UEA, en Sheffield, Britlando.

F-ino L. C. Smith, MA 22088, 8 Julio 1934 en Buckhurst Hill, Britl.

S-ro F. G. Archer, MA 40869, 27 Junio 1934 en Watford, Britlando.

Inĝeniero Tabouret, 13 Julio 1934 en Troyes, Francujo. Esperantiĝis en 1907 kaj de tiu momento estis fidela membro de la esperantistaj grupoj kaj de UEA. Bedaŭrinde dum la lastaj jaroj pro malsano ne plu povis kunlabori kiel antaue ; tamen li ĉiam kontaktiĝis kun la esperantistoj en Troyes.

*Sinceran kunsenton*

## Oni laŭdas

De tempo al tempo kaj spontanee la Centra Oficejo ricevas sciigojn pri la bonaj servoj de la Delegitoj Speciale atentigas nin S-ro C. M. Hamaker en Hilversum pri afablaj helpoj de niaj Delegitoj en Grenoble, Chamonix, Monte-Carlo kaj Caracas. Se ĉiuj Delegitoj funkcius tiel nia Asocio certe reprezentus la plej perfektan organizajon.

## Oni dankas !

*** Ges-oj Jar. Mastny, Olomouc, Ĉeĥosl., dankas al S-ro José S. Báez, Las Palmas, Kan. Insuloj, D de UEA, pro samideana servo dum la somerrestado sur la belaj Kanariaj Insuloj.

*** S-ro G. Rotach, korespondisto ĉe firmo M. Schaerer, S.A., Bern, Svislando, dankas D-ron Carlos de San Antonio, Madrid, Hispanujo, pro akcepto de ĝia agento kaj pro havigo de diversaj utilaj informoj.

*** D-ro Brehm, Valencia ricevis valoran donacon de la firmo Bonner Fahnenfabrik Grösste Fahnenfabrik Deutschlands, in *Bonn*. Tiu-ĉi firmo donacis al D-ro Brehm tri grandajn flagojn unu hispanan kaj du esperantajn por ke D-ro Brehm montru ilin sur la balkonoj de la tri fenestroj de Instituto Tecnos.

La valenciaj esperantistoj tre dankas al la firmo Bonner Fahnenfabrik pro tiu donaco farita.

*** S-ro Roger Goodland angla vojaĝanto tutkore dankas pro iliaj afablaj servoj dum lia jusfinita dekokmonata vojaĝo tra Latin-Ameriko al la jenaj delegitoj kaj (aŭ) vicdelegitoj de UEA. : — Manuel Rodriguez kaj D-ro Ambrosio Vargas (Mexico), David Medina Bangs (Iela, Honduraso), Hector Fernandez Vargas (San José, Kostariko), Alberto Gomez Cruz (Bogota Kolombio), Luis Sepulveda Cuadra (Santiago de Chile, Ĉilo), Vicente Orlando (Bahia Blanca, Argentino), Andrés Villafranca (Buenos Aires, Argentino), Alberto De Biagi kaj Rodolfo Garcia (Montevideo, Urugvajo), D-ro Methodio Maranhao (Recife, Brazilo), D-ro Carlos Domingues (Rio de Janeiro, Brazilo), Fred. Meyerhauser (Sao Paulo, Brazilo), J. Alvarez Perez (Caracas, Venezuelo), kaj D-ro Antonio Aleman Ruiz (La Habana, Kubo). Aliaj dankindaj samideanoj estas Richard Pfütze en Sao Paulo, Jozef Joels en Santos (Brazilo), Nelson Dantas en Rio de Janeiro, Pastro Swisnson en St. Thomas (Insuloj de la Virgulino), kaj S-ro Gutièrrez en La Habana.

*** S-ro Jojn Farrand, Doncaster, Britujo, esprimas publikan dankon al la Delegitoj en Oslo, Stockholm, Tallinn, Turku kaj Helsinki pro afabla helpo kaj gvidado dum kongres-vojaĝo.

# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1934

*** *Enciklopedio de Esperanto*, vol. I, A.-J. Redaktis L. Kőkény kaj V. Bleier. Kunlaboris 107 esperantistoj. 272 paĝoj + 112 bildopĝ. Formato 23×15 cm. Prezo kun la baldaŭa dua volumo, broŝ. 30.— sv. fr., bind. 34.— sv. fr. plus 10 % por sendkostoj. Pagebla en du partoj. Eldonis Literatura Mondo, Budapest, 1934. La dua volumo ampleksos proksimume 540 paĝojn. Novaliĝintoj al Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj rajtas ricevi ambaŭ volumojn por 14.— sv. fr. Sesa libro de AELA por 1934 (1934-28).

Upton Sinclair : Jimmie Higgins. Tradukis Karl Fröding. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, 67, av. Gambetta, Paris. 372 paĝoj. Formato 13 × 19 cm. Prezo : broŝ. francaj fr. 22.50 bin. fr. fr. 29.— plus 10% por afranko. (1934-29).

*** Plena Vortaro de Esperanto. Dua eldono revizita, kompletigita. Verkita de E. Grosjean, E. Esselin, S. Grenkamp-Kornfeld, G. Waringhien. 512 paĝoj. Formato 14,5 × 19,5 cm. Prezo : francaj fr. 60.—plus afranko (tut-tole bindita). Ĉefa agentejo: Sennacieca Asocio Tutmonda, 67, av. Gambetta. Presis A. Granchamp, Annemasse, Haute-Savoie. (1934-30).

P. A. Smirnov : La Kirgizoj. Tradukis el rusa lingvo Bazilo Averin. Eldonis Amerika Esperanto-Instituto, Madison, Wis., Usono. (Etnografia Biblioteko n-ro 1.). 20 paĝoj. Formato 11 × 17 cm. (1934-31).

*** Koprivnica, VII-a Jugoslava Esperanto-Kongreso, 1934. (Kongreslibro). Eldonis Loka Kongresa Komitato. 80 paĝoj. Formato 11,5 × 15 cm. (1934-32).

Alfred de Musset : Mimi Pinson. Trad. M. Rethel. Eldonis Esperanto Instituto, Venlo (Nederlando). 44 paĝoj. Formato 15 × 20,5 cm. (1934-33).

Doctor Pompilio Romero : Esencia y Porvenir de la idea de Lengua Internacional (Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia). Eldonis Amerika Esperanto-Instituto, Madison, Wis., Usono. 42 paĝoj. Formato 11,5 × 20 cm. Prezo : svisaj frankoj 0.50. (1934-34).

Paul Nylén : « Lingva Kvaronhoro ». Nagra spakliga detaljer. Serien (Svenska Esperanto-Förbundets Handböcker Nr : 3). Eldonis : Eldona Soc. Esperanto, Stockholm. 47 paĝoj. Formato 12 × 18,5 cm. Prezo : sved. kr. 1.—. (1934-35).

Rosenberg-Malmgren : Per kio ni amuzu nin ? Societ- kaj dancludoj (Serien Svenska Esperanto-Förbundets Handböcker Nr : 4). 39 paĝoj. Formato 12 × 18,5 cm. Prezo : sved. kr. 1.— (1934-36).

*** Adresaro. Orienthispana Esperantista Federacio. Jarlibro 1934. Eldonis Federaciôn Esperantista Levantina. 31 paĝoj. Formato 11 × 15,5 cm. (1934-37).

*** Katalogo de la Esperanto-Gazetaro. Kompilis kaj komentariis D-ro Jozefo Takacs. Eldonis Ant. Prazak, Jablonné, Ĉeĥosl. 168 paĝoj. Formato 11 × 15 cm. Prezo : Kč. 15.— plus afranko. (1934-38).

Jakob Rosenberg : Multiplika Tabelaro. Eldonis la Aŭtoro. 150 paĝoj. Formato 10 × 13 cm. Prezo : svisaj fr. 1.20. (1934-39).

Willy Wood : Blua sango. Trad. Willy van Zoest. Eldonis « Helmond », en Helmond (Nederlando). 187 paĝoj. Formato 13,5 × 19,5 cm. (1934-40).

Karl Nebenzahl : La influo de vegetarismo al la morala kaj socia progresado. (La Biblioteko « Vegetarano » N-ro 1). 34 paĝoj. Formato 10,5 × 13,5 cm. Prezo : francaj fr. 2.— (1934-41).

*** Dudekkvina Universala Kongreso de Esperanto. Oficiala dokumentaro. (Köln 1933). Eldonis Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Genève. 108 paĝoj. 15 × 22,5 cm. (1934-42).

*** Oficiala Raportaro. 26-a Universala Kongreso de Esperanto, Stockholm, 1934. Aldono al la Kongreslibro. Eldonis Loka Kongresa Komitato. 109 paĝoj. Formato 15 × 21 cm. (1934-43).

*** Jarlibro de la Esperanto-Movado, 1934. Eldonis Universala Esperanto-Asocio, Genève. 334 paĝoj. Formato 11,6 × 16 cm. Prezo : svisaj fr. 5.—. (1934-44).

# Reklama Servo

## REICHENBERG

Kiel ĉiujare la Foiro de Reichenberg (en ĉeĥa lingvo Liberec) en Ĉeĥoslovakio, eldonis tre belajn varbafiŝojn kun la konata signo de la foiro. La sama motivo estis uzita per tre altiraj glumarkoj. La foiro okazas kutime en Aŭgusto, en 1934 inter 18-24a kaj ĉefe centrigas la produktaĵojn de la industrio de Bohema Lando, tre progresinta industrio.

# Esperantista vivo

## Edziĝoj

S-ro Cornelis Leendert de Hartog, D de UEA en Aalsmeer, Nederlando, kun F-ino Janneke Van der Veen, 14 Junio 1934.

S-ro Jean Beau kun F-ino Aimée Eyraud, ambaŭ membroj de UEA, 22 aŭgusto 1934 en Annonay (Francujo).

F-ino Ester Druk, Delegitino en Panevezys, loĝas nun en Kédainiai.

S-ro Raimund Cech, Delegito de UEA en Wien, kun F-ino Ricci Schicketanz, Septembro 1934.

S-ro Herbert Häussler, D de UEA en Reichenbach, Germanujo.

S-ro Walter Mudrak, D de UEA, Wien, Aŭstrio, kun F-ino Maria Mildschuh, Oktobro 1934.

S-ro Emile Cuomo en Philippeville kun F-ino Manfredine Camilleri, Septembro 1934.

## Naskiĝoj

Al gesinjoroj G. Botolehahy-Razafindravelo en Vohipeno (Madagaskaro), naskiĝis knabo la 1.5.1934 nomita Radimbindeaibo-Israel-Gervais.

Al gesinjoroj M. R. Pavloviĉ en Gjavato ap. Bitolaj, Jugoslavio, naskiĝis filinoj (dunaskitoj), Olga kaj Olivera, 21.7.34.

Gesinjoroj Kamiel Feryn-Van Ryckeghem kaj infanoj :

Jozef,
Rosa,
Maria,
Anna,
Paula,
Andrea,
Antoon,
Lousi,
Jan,
Hilda

dankas Dion pro la dek-unua infaneto, filineto kaj fratineto, kiu naskiĝis la 11-an de septembro 1934 kaj kiu fariĝis infano de Dio per la sankta bapto, ricevinte la nomojn :

*Frida-Maria-Jozefina.*

Lichtervelde (Belgujo).

# Turisma Servo de UEA

### Lihtenstejno

La nomo de tiu ĉi princlando jam estas bone konata inter la esp publiko ne nur pro la artaj poŝtmarkoj sed pro la daŭra intereso de la registaro al internaciaj celadoj. Ni memoru ke estas tiu ĉi lando kies poŝtkartoj portas tekston en Esperanto apud la nacia lingvo. Kaj plurfoje jam aperis gvidfolioj pri Lihtenstejno en Esperanto. Jen nova gvidfolio de nova tipo. Kvarlingva : angla, franca, itala kaj internacia. 20 bildoj akompanas la tekston, kies esp. tradukon prizorgis Rob. Kreuz, Direktoro de UEA. Eldonis la gvidfolion la *Liechtensteinischer Verkehrsverein en Vaduz* de kie oni povas peti ekzempleron.

### La Panne

tiel nomiĝas fama marban-loko belga pri kio informas moderna fald-prospekto ilustrita moderne presita. Teksto en franca, angla kaj en Esperanto. Eldonis ĝin Service Officiel de Publicité, Maison Communale La Panne (Belg.).

### Rotterdam

La Roterdama Tramo kune kun la Fremdultrafikunuiĝo en Roterdamo eldonis gvidfolion pri rondvojaĝoj tra la urbo per aŭtobusoj. Pasintjare la klarigoj estis en la 3 « modernaj » lingvoj. Dank' al la klopodoj de la Roterdama Esp. Societo « Merkurio » oni nun ankaŭ aldonis la Esperantan tradukon.

La freŝaspektaj gvidfolioj estas senpage haveblaj ĉe : V.V.V. Noordblaak 13 Roterdamo. Nederlando.

Petu ilin, por ke la trafikunuiĝo sciu, ke Esperanto taŭgas ankaŭ por ĝi.

---

# En kelkaj linioj



*** La prezidanto de la Esperantista Akademio, S-ro Rollet de l'Ile, Parizo, informas, ke estas elektitaj kiel korespondantoj de la Akademio S-ro Robert Kreuz, L.K., Direktoro de UEA, Ĝenevo ; S-ro D-ro Inĝ. Orengo, L. K., Direktoro de la Sekcio « Teknikaj Vortaroj », Milano, kaj F-ino Lidja Zamenhof, Varsovio.

*** Dum la lasta majo, la Itala Registaro aprobis ke oni okazigu en ROMO komence de aŭgusto de 1935, la 27-an Universalan Kongreson de Esperanto. Itala Esperanto-Federacio, kaj ties Oficejo « Esperanto-Centro Itala » (Gal. Vitt. Emanuele 92, Milano) komencis okupiĝi pri la organizo kaj la flankaj okazontaĵoj : ekskursoj, karavanoj, ktp. La itala samideanaro jam de nun multe ĝojas pri la kunvenado de tutmonda esperantistaro en ROMA kaj invitas la eksterlandajn gesamideanojn tre multenombre partopreni la Roman Universalan Kongreson de Esperanto.

*** Preskaŭ ĉiu Esperantisto aŭdis pri la fama angla aŭtoro Charles Dickens, sed kredeble la granda plimulto ne scia,— ke verko lia estis eldonita por la unua fojo antaŭ nur kvar monatoj.

Li verkis ĝin en 1849, dudek du jarojn antaŭ la morto, speciale por siaj infanoj. La manuskripto estis persona al la fama romanisto, kaj bone videbligas lian homamon, kaj samtempe lian sinceran adoron al Jesuo Kristo. La verko estis skribata sen penso pri eldoniĝo, por ke lia familio havu daŭran memoron pri la pensoj de la patro. Post la morto de lia filo, Sir Henry Dickens, lia familio permesis ke la verko eldoniĝu, kaj ĝi unue aperis kiel felietono en la grava angla jurnalo, « The Daily Mail », en Marto 1934. En Majo, la angla eldono aperis en libro-formo, kaj je la komenco de Aŭgusto ĝi aperis en la Esperanta lingvo, kun la titolo « La Vivo de Nia Sinjoro, Jesuo. »

La eldonistoj estas The Esperanto Publishing Company Limited, kaj la libro estas unu el la plej belaj ĝis nun en Esperanto. Ĝis estas presita sur luksa papero, kaj enhavas bildojn de mondfamaj pentristoj, ekz. Raphael, Leonardo da Vinci, kaj aliaj. La prezo estos ses anglaj ŝilingoj, kun afranko ses pencoj, kaj la libro estos havebla ĉe La Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, London, W.C.1, Anglujo, kaj ĉiu Esperantista libro-vendisto.

## Internacia Esperanto-Kurso por Poŝtistoj

Esperanto-Domo, Arnhem.

De 2-12 Julio okazis la dua internacia kurso por poŝtoficistoj kun 62 partoprenintoj el 6 landoj, sub la gvidado de Andreo Cseh.

Sabaton, la 7-an de Julio estis la oficialaj salutparoladoj. Parolis S-ro Inspekt. J.W. Groeneijk, reprezentanto de la Direktoro-Ĝenerala de la Nederlanda Poŝto, Telegrafio kaj Telefonio, S-ro J.C.A. Keukenmeester, estro de la telefondistrikto, S-ro M.W. Bos, Inspektoro en Arnhem kaj S-ro H. Rietema, direktoro de la Poŝt- kaj Telegrafoficejo. Poste la reprezentantoj de la poŝtaj fakaj Unuiĝoj. S-ro J.B.B. Dufrenne, prezidanto de I.L.E.P.T.O. parolis kaj donis kelkajn amuzajn deklamaĵojn. Li partoprenis en la tuta kurso. En la posttagmezoj diversaj ekskursoj al la belegaj ĉirkaŭaĵoj de Arnhem estis organizitaj, sub gvidado de S-roj L. Moreau kaj A.J. van Bethlehem. La 4-an de Julio oni vizitis la radio-stacion « Kootwijk », kies estro estas S-ro H. Witsenburg, Esperantisto. La 6-an de Julio la partoprenantoj rigardis la Telefon-oficejon en Arnhem sub gvidado de S-ro Inĝ. Broekmeijer, kiu antaŭan vesperon faris klarigan paroladon. La kursanoj ricevis ateston pri partopreno al la kurso, i.a. subskribitan de la Direkcio de la Ned. P.T.T. En la Esperanto-Domo regis vigla kaj gaja Esperanta vivo. Ĝenerala estis la deziro de la kursanoj partopreni la sekvontan jaron en daŭriga kurso.

---

# INTERNACIA POLICA LIGO

Depost unu jaro, la fakmovado de la policanoj esperantistaj rapide progresas. Dank al la reapero de la Internacia Polica Bulteno la policanoj grupiĝas kaj laboras sur la praktika kampo. La oficialaj rondoj iĝas pli kaj pli favoraj. Praktikaj sukcesoj estis jam atingitaj per la Internacia Polica Ligo en diversaj landoj.

Jen la rezolucio, kiun prezentis al la Viena konferenco la polica delegacio :

« *Konsiderante,* ke la eksperimentoj faritaj kaj farataj sufiĉe provis, ke Esperanto estas taŭga ilo :

1. — Por faciligi la rilatojn inter la policanoj parolantaj Esperanton kaj la turistoj eksterlandaj ;

2. — Por disvastigi kun pli da facileco, la policajn sciencojn kaj ĉiuspecajn informojn per faka jurnalo ;

ke la ĝenerala uzado de Esperanto por la policaj kaj la similaj administracioj ĉiulandaj ne nur helpus multe plibonigi la supremenciitajn spertojn, sed ankaŭ ebligus pli efikan organizon kontraŭ la internaciaj krimuloj kaj ĉiuspecaj malbonuloj ;

*la policfaka komisiono de la konferenco decidas peti* la policaŭtoritatojn ĉiulandajn studi la rimedojn por ebligi la enkondukon de Esperanto en la praktikon ;

*deziras* ke Esperanto denun valoru por la ekzamenoj tiel, kiel iu alia lingvo ;

ke ĝi estu enkondukata kiel deviga fako en la policlernejojn ;

ke la policanoj kiuj posedas Esperanto-diplomon ricevu la rimedojn por ebligi al si daŭrigon de sia profesia edukado per Esperanto, kaj *esprimas* la deziron, ke la Internacia Kriminalpolica Komisiono baldaŭ decidu pri la solvo de tiu demando, kiu interesas ĉiujn registarojn. »

Esperantistoj kiuj deziras helpi je la propaganda vidpunkto demandas senpagan ekzempleron aŭ sendas adresojn de policanoj esperantistaj al : INTERNACIA POLICA LIGO, Propaganda servo, STRASBOURG-MEINAU (Francujo), 10, rue Engelhardt.

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE. Svisl.

## Oficiala Informilo

**27-a Administra jaro 1934/5 :**
**N-ro 1 — Novembro 1934**

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston de la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi la Dumvivan Membrecon de UEA :
S-ro *Jules Ginsburg*, Oranĝkulturisto, Delegito de UEA, Telkarem, *Kfar Yonah*, Palestino.

---

**Subtenantoj 1934 — Naŭa listo**

301. S-ro Kunitaro Takahaŝi, Ŝizuoka, Japanujo.
302. S-ro Jacob Jacobson, Lefvar, Svedujo.
303. S-ro R. Baillod, Dinard, Francujo.
304. S-ino L. E. Blacklock, Southborne, Britujo.
305. S-ro Mircea, St. Iliescu, Craiova, Rumanujo.
306. D-ro Albert Steche, Leipzig, Germanujo.
307. S-ino Elise Boden, Görlitz, Germanujo.
308. S-ro William Gray, Leongatha, Aŭstralio.
309. D-ro Kramer, Dresden, Germanujo.
310. S-ro August Strauch, Bottrop, Germanujo.
311. S-ro Ulrich Ahrens, Schwerin, Germanujo.
312. S-ro Reinhold Schöne, Eibenstock, Germanujo.
313. S-ro J. H. Murray, Chester, Britujo.
314. S-ro A. Mc.Donald, London, Britujo.
315. S-ro F. O. Lechmere-Oertel, Limassol, Cipro.
316. S-ro Paul Schwob, Oels, Germanujo.
317. S-ro Hans Jakob, Genève, Svislando.
318. S-ro A. Granchamp, Annemasse, Francujo.
319. S-ro S. Grenkamp-Kornfeld, Paris, Francujo.
320. S-ro Won Kenn, Canton, Japanujo.
321. S-ro Wilhelm Schernikau, Frankfurt, Germanujo.
322. S-ro Lud. Ritchie, Antwerpen, Belgujo.
323. D-ro T. Kuiper, Amsterdam, Nederlando.
324. S-ino Julia Neuberg, Krakow, Polujo.
325. Prof. D-ro Odo Bujwid, Krakow, Polujo.
326. D-ro St. Kozuchowski, Warszawa, Polujo.
327. D-ro T. C. Baillie, London, Britujo.
328. S-ro Joseph Burita, Chicago, Usono.
329. S-ro Jan Rambousek, České Budejovice, Ĉeĥoslovakio.
330. S-ro Tateisi-Takasi, Higasiyamanasi-gun, Japanujo.
331. S-ro E. Archdeacon, St. Cloud, Francujo.
332. S-ro Taisto Aurela, Kullaa, Finlando.
333. S-ro Matthew Deas, Beaufort West, S. Afriko.
334. S-ro José Martinez, Buenos-Aires, Argentino.
335. S-ro W. Hölzenspiess, Batavia, Nederl. Hindujo.
336. S-ro J. J. Roelofs, Soest, Nederlando.
337. F-ino A. H. E. van Vliet, Alphen, Nederlando.
338. F-ino M. Elzevier-Dom, Soestdijk, Nederlando.
339. D-ro Blakely Webster, Dannemora, Usono.
340. S-ro Orrin H. Graham, Franklin, Usono.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

**Belgujo**

*Chapelle à Wattines* (Hain.). — D: Ernest Moulin, R. de Grosmont, 46.
*La Louvière* (Hainaut). — D : André Tassin, Industriisto, r. Basse, 17. VD : Emile Jacques, Industriisto, rue A. Warocqué 122.
*Lichtervelde* (West-Vlaand.). — D : Kamiel Feryn, Afergvidanto, Weststraat 47.
*Molenbek-St. Jean* (Brabant). — D : Theophile Kerremans, Pastro, 75 Vier Windenstraat.
*Nivelles* (Brabant). — D : Jozef De Maeyer, Profesoro, Faubourg de Mons I Collège.
*Sclessin.* — D : Jules Bissot, Lignomodelisto, 72 Rue de Trazegnies.
*Seraing* (Liège). — D : Joseph Soyeur, Oficisto, 91 rue du Chêne.
*Tongeren* (Limburg). — D : Jan-Corneel Babilon, Telegraf-Oficejestro, 7 Maestricht steenweg.

**Ĉeĥoslovakio**

*Hluk* (Moravio). — D : František Omelka, Faka instruisto.
*Kamenicky Šenov* (Bohemio). — D : Karel Kalivoda, Faka instruisto, Česká skola.
*Zelovce* (Slovakio). — D : Gejza Hartmann, Oficisto.

**Danujo**

*Hobro* (Jutland). — D : Christian Ringstrup Ege, Policestro.

**Francujo**

*Metz-Sablon.* — D : Willy Miller, Bankoficisto.

**Hispanujo**

*Tabernes de Valldigna* (Valencia). — D : Angel Escribà Talens.

**Jugoslavio**

*Podgorica* (Zetska). — D : Bogic Noveljic, Instruisto, Glavni trg 9.

**Madagaskaro**

*Tananarive.* — D : Ratefiarison, Inĝeniero, Anjohy-Ambatondrakoto.

**Norvegujo**

*Rommtveit* (Stord). — D : Nils Okland.

**Rumanujo**

*Mangalia* (Dobrogea). — D : Vasil Petroff, Kuracisto.

*La supraj elektoj fariĝis valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :**

Ne plus estas D en jenaj lokoj :
*Argentino:* San Nicolás. *Belgujo:* Brecht, Louvin.
*Britujo:* Formby ; Heswall ; Hexham on Tyne ; Heywood ; Melton Mowbray ; Orpington ; Weymouth.
*Ĉeĥoslovakio:* Bystrice, Chrast p. Umonin, Česky Krumlov, Deutschhause Nemecka Huzova, Dolni Lhota ap. Blansko, Kuttenplan, Niemes, Postoloprty, Pruhonice u Prahy, Steinschönau, Vysoka Studnice, Zlin.
*Danujo:* Grenaa, Nörre Sundby.
*Francujo:* Béziers, Firminy, Lille, Montigny lés-Metz, Pont-l'Abbé Lambour, St. Dié, Thiers, Tullins, Villeurbanne.
*Germanujo:* Angermund, Naumburg a.d. Saale, Neustadt.
*Hispanujo:* Mollet. *Hungarujo:* Fegyvernek.
*Italujo:* Guastalla, Riva sul Garda.
*Nederlando:* Rauwerd. *Nederlanda Hindujo:* Benkoelen.
*Polujo:* Czarny Dunajec ; Jaremcze-Jamna ; Tarnobrzeg.

## Reorganizo de la Centra Oficejo

De post la enoficiĝo de la nova Komitato de UEA, la Centra Oficejo estas komplete reorganizita. Antaŭ ĉio la administro estas esence simpligita. Novaj modernaj labormetodoj, kontroloj ktp. estas enkondukitaj kaj iom post iom montras sian efikon. Kompreneble plena perfekteco povas esti atingebla laŭgrade.

*Agadjaro 1935.* — La nova agadjaro 1935 komenciĝis la 1 novembro 1934.

*Instrukcioj.* — La ĉefdelegitoj, perantoj kaj sekretarioj ricevos dum ĉi tiuj tagoj cirkuleron pri la nova administro en siaj koncernaj teritorioj.

Por ĝenerala kono ni sciigas ĉi tie, ke laŭ la nova simpligita registrado ne plu ekzistas membronumeroj. La Centra Oficejo nur tenas la membroslipon kun ĉiuj necesaj indikoj. Ĝi bazas sur la adresklîŝo kaj estas mekanike reproduktata per adresmaŝino. Sambaze estas starigotaj mekanike ĉiuj pluaj sliparoj laŭnecese. La helpantoj ne estos ŝarĝataj per presigo de diversspecaj registrokartoj. La Centra oficejo simple devas ricevi la membroliston kune kun la spezofolio. La membrolisto estas, kiel ĝis nun, mekanike reproduktata rilate ĉiujn antaŭajn membrojn kaj sendata al la helpantoj je la jarkomenco. Por novaliĝoj membrolistoj estas farotaj de la helpantoj. Ili de nun estas akceptataj nur maŝinskribite.

*Spezofolio.* — Por certigi rapidan servaron al la membroj, la aliĝoj devas esti sendataj kaj dekalkulataj al la Centra Oficejo ĉiumonate ĝis la 10-a de la sekvanta monato.

*Kolizoj 1935.* — Al la supre menciita cirkulero estos aldonata la tarifo de favorprezoj, validaj en 1935 por la koncerna lando.

Ĝenevo, 30 novembro 1934.

Robert KREUZ, Direktoro.

Pro la reorganiza periodo de la Centra Oficejo, necesigante preskaŭ plenan rekonstruon de ĉio, ankaŭ ĉi tiu numero povas eliri nur kun malgranda malfruo. La decembra numero jam estas en preparo. Estas zorgite, ke de post januaro 1935 la gazeto eliras ĉiumonate precize.

**Pagi oni povas nur:**

PAGO DE LA KOTIZO OKAZAS PLEJ FACILE al la konto de la pola poŝtŝparkaso sub la nomo POCZTOWA KASA OSZCZEDNOSCI-WARSZAWA laŭ jenaj numeroj en jenaj landoj

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrio:** Wien | N° | 79.500 |
| **Belgujo:** Bruvelles | N° | 244.200 |
| **Ĉeĥoslovakio:** Praha | N° | 89.600 |
| **Danujo:** Kjöbenhavn | N° | 14.972 |
| **Francujo:** Paris | N° | 600.12 |
| **Nederlando:** s' Gravenhage | N° | 145.517 |
| **Jugoslavujo:** Beograd | N° | 65.049 |
| **Latvujo:** Riga | N° | 4.030 |
| **Svislando:** Bern | N° | III.6.500 |
| **Svedujo:** Stockholm | N° | 4.312 |
| **Italujo:** Roma | N° | 1/10110 |

SUR ĈIUJ ENPAGILOJ DEVAS ESTI LA JENA TEKSTO: ADM. LITERATURA MONDO KRAKOW NR. 403.148

EN ALIAJ LANDOJ ONI PAGU

AŬSTRALIO : L. E. Thomson, Esperanto ĉe Commonwealth Guvernement Savings Bank Account Nro 496.567

ESTONUJO : Hilda Dresen. *Tallin*, Poŝtkast 6

HUNGARUJO : Poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos nro 25168

POLUJO : Administracja Literatura Mondo, Krakow nro 403148

RUMANUJO : Rumana Esperanto-Instituto, Cluj str. Bravilor 15

JAPANUJO : Japana Esperanto Instituto, *Tokio*, Hongoo-Motomaĉi 1. kaj Tokio-Do, Esperanto Fako, *Tokio*, Kudan Koojimaĉi

*El ĉiuj aliaj landoj oni sendu poŝtmandatojn al* Pocztowa Kasa Oszczednosci, Krakow, kto Adm. Literatura Mondo nr. 403148 Polujo.

Ni akceptas ankaŭ internaciajn respondkuponojn poŝtajn en valoro de 0.30 sv. fr. po unu.

Aliĝojn kaj pagojn cetere akceptas la reprezentantoj de Literatura Mondo kaj plejparto de la esperantistaj librovendistoj.



L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 883-12-34.